# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H. Hodler. †
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


**ENHAVO :**




**XXX-a Jaro N° 402**

**FEBRUARO 1934**


## La Viena Konferenco

Jam pasis dekdu jaroj depost la unua konferenco pri Esperanto en lernejoj (en Ĝenevo) kaj dekunu jaroj depost la unua konferenco pri komerca mondlingvo (en Venezia). Al reprezentantoj de registaroj en 1922 kaj al delegitoj de komercaj ĉambroj en 1923 ni celis montri faktojn pri la spertoj jam faritaj en lernejoj, kie oni instruas la lingvon, kaj en oficejoj, kie oni uzas ĝin.

El tiuj du pioniraj kunvenoj hodiaŭ restas ankoraŭ du bonaj dokumentaroj, plenaj je interesaj faktoj, kiuj poste servis kiel blanka faruno por baki la ĉiutagan panon de la informado pri Esperanto. Sur la unua ĉefe bazis la favora raporto de la Ligo de Nacioj en 1923 kaj sur la dua la motivoj de la Universala Telegrafa Unio en 1925, kiam ĝi aldonis en sia regularo Esperanton al la latina kiel neŭtralan lingvon de internacia komunikado, al kiu la regnoj devos doni la saman privilegion de ordinara tarifo kiel al propra nacia lingvo.

Poste okazis en Parizo la brilaj konferencoj pri Esperanto en trafiko kaj en scienco, kiuj interesis al nia lingvo tre grandan nombron da teknikaj societoj kaj pravigis la sukcesajn iniciatojn de S-ro André Baudet, baldaŭ prezidonta la Parizan Komercan Ĉambron.

Tiuj kunvenoj kunigis multajn faktojn. Aliaj tri konferencoj kreis mem spertojn kaj inaŭguris tujan uzon de la lingvo kiel diskutilo aŭ sola tradukilo pri teknikaj temoj. Tio estis la pionira konferenco por internacia reguligo de l' radio-ondoj en Ĝenevo 1924, la kongreso pri paco per lernejo en Praha 1927 kaj la konferenco pri turismo kaj reklamo en Frankfurt 1929.

Rapide pasas la tempo. Nun iom malnoviĝis la faktoj kaj la dokumentaroj kunigitaj antaŭ pli ol dek jaroj. Multaj novaj spertoj estis farataj intertempe. Nur pensu ekzemple pri la Cseh-kursoj en ĉiuj landoj.

Venis la momento kolekti pli freŝajn raportojn kaj renovigi nian tutan materialon informan. Tion intencas antaŭ ĉio fari la konferenco kunvokita en Vieno je Pentekosto venonta sub alta protektado de la Aŭstria Registaro. Vidu la detalan programon sur alia paĝo.

Ne estas facile por multaj el ni liberiĝi el instruaj aŭ aliaj profesiaj oficoj je tiu dato, sed ni devas ĉion fari, por ke ĉiu lando estu bone reprezentata per kompetentaj personoj. Por centra Eŭropo la konferenco povos havi grandan signifon kaj doni okazon al edukministroj de la ĉirkaŭaj landoj, speciale mezgrandaj, informiĝi serioze pri eblecoj kaj avantaĝoj instruigi Esperanton en siaj lernejoj.

Ĉiu nacia societo bonvolu tuj esplori la rimedojn por vojaĝo de taŭga spertulo al Vieno. El la sukceso de la entrepreno ĉiuj egale profitos en sia posta laborado.

Edmond PRIVAT.

**Premioj de frupago 1934 : La templimo estas plilongigata ĝis 28 Februaro 1934.**

# Esperantismo

**Esperanto en la Lernejon kaj la Praktikon !**

## Internacia Konferenco, Vieno 20-24 Majo 1934

**Sub la protekto de Konfederacia Prezidanto de Aŭstrio Vilhelmo Miklas kaj sub la Honora Prezido de Konfederacia Kanceliero, Dro. Engelberto Dollfuss.**

---

Konstante oni demandas al ni, esperantistoj, ĉu Esperanto progresas. Ni povas al tio respondi per nura « jes ». Estas facile doni kelkajn detalojn pri la lastaj aktualajoj. Kritikemajn personojn oni devas informi pli detale. Kutime ĉiuj sciiĝas kun miro kaj surprizo pri la stato de nia afero, vidante samtempe la amplekson de nia movado.
Sed ankaŭ el niaj propraj vicoj ofte venas la demando, ĉu Esperanto vere progresas. Ne sufiĉas al esperantistoj la simpla, konvinkiga respondo « jes ». Ne sufiĉas la citado de iuj faktoj, kvankam ofte oni konstatas, ke eĉ aktivaj samideanoj tute malkonas gravajn sukcesojn de nia lingvo. Aliaj ne konsideras la signifon de certaj progresoj. Ili atendas ian sensacion, kian ni, tute nature, povas prezenti nur malofte. Estas tamen vero, ke nian movadon fundamente apogas la senfina nombro de izolaj sukcesoj. Pro tio al ili ĉiuj ni devas turni nian atenton. Kaj ni devas zorgi pri ilia sekurigo. Ni dependas de la ĉiutagaj okazantajoj. Ĉar la vivo estas daŭra movado, la situacioj ŝanĝiĝas kaj ke ĉiu momento ni dependas de aliaj cirkonstancoj. Ni ĉiufoje devas adaptiĝi al la rilata situacio. El tio sekvas logike, ke ni devas konstante zorgi pri nia afero, ade sekvi la movon de l'vivo, esti aktivaj por nia idealo. Tio signifas konstantan laboron, lukton, eĉ batalon. Ni devas akkapti ĉiujn favorajn okazojn kaj, se necese kaj utile, per propra ofensivo krei ilin.
Tion konsiderante UEA, laŭ iniciato de D-ro Privat, jam en 1922, en kunlaboro kun la Instituto J. J. Rousseau, realigis la ideon de instru-teknika konferenco por enkonduko de Esperanto en la Lernejojn. Ĝi estis grandega sukceso kaj trovis multan atenton en oficialaj rondoj. Ĝi havis sekvojn, kies gravecon ni povas mezuri nur hodiaŭ. Laŭ sama gvid-ideo okazis en la jaro 1923 en Venecio, sub la protekto de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando, la « Internacia Konferenco por Enkonduko de la Komerca Helplingvo Esperanto ». Tiuĉi konferenco kunigis praktikajn faktorojn pri Esperanto, kiuj dum pluraj jaroj servis kiel plej efika bazo por nia propagando. La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado serĉis novajn eblecojn kaj en 1925, kune kun UEA, partoprenis en la organizo de 2 similaj konferencoj en Parizo. La konferenco por uzo de Esperanto en la aplikataj sciencoj efikis prepare en la scienca kampo. La dua komerca konferenco, sub prezido de la Komerca Ĉambro de Parizo, kunvenigis reprezentantojn de 400 komercaj ĉambroj, ekonomiaj unuiĝoj, internaciaj foiroj, de industri-entreprenoj. 11 Registaroj sendis delegitojn al ĝi. Per ĝi Esperanto fariĝis pli populara en rondo de la praktikistoj. La situacio ŝanĝiĝis poste. Post periodo de konsiderinda progreso en Eŭropo sentiĝis pli kaj pli la internacia, poste la tutmonda krizo. En la postaj jaroj ne estis perspektivo por nova entrepreno. En 1929 la ICK, en kunlaboro kun la Internaciaj Foiroj de Frankfurto, instigis la organizon de « Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo » en Frankfurto. Ĝi okazis en ekstreme malfacilaj kondiĉoj. Granda interesita fak-organizo serioze kontraŭbatalis ĝin. Ĉiuj malhelpoj tamen estis venkitaj. La konferenco, malpli impona laŭ nombro de reprezentantoj (nur 82 korporacioj enskribiĝis), dank'al helpo de seriozaj fakuloj, okupas unuan vicon en tiuj konferenc-aranĝoj por Esperanto. Ĉi-tiu konferenco laŭ tendenco cetere senteble malsamis al la antaŭaj. En ĝi Esperanto ne estis la objekto pritraktata, sed ĝi servis ekskluzive kiel helpilo de tradukado. La devizo pri aplikata nova konferenc-tekniko »« trovis vastan eĥon en la realisma sfero de praktikistoj. La efiko de la konferenco ankoraŭ nun estas sentata.

Hodiaŭ ni povas diskonigi la inviton al nova, bone fundamentita entreprenado.

De l' 19-24 Majo 1934 estas organizata, sub la devizó :

ESPERANTO EN LA LERNEJON KAJ LA PRAKTIKON

*la Internacia Konferenco de Vieno* 1934.

*Ĝi okazos sub la protekto de l'Konfederacia Prezidanto de Aŭstrio, S-ro Vilhelmo Miklas kaj sub la Honora Prezido de l' Kanceliero de Aŭstrio, S-ro D-ro Engelberto Dollfuss. La Ministerio por Komerco kaj Trafiko (Ŝtat-sekretariejo por Fremdultrafiko), disponigis la necesan monon por la preparaj laboroj.*

Estas invitataj partopreni en ĉi-tiu konferenco el la kampo de komerco kaj industrio : komercaj ĉambroj, foiroj, ekonomiaj unuiĝoj de ĉiu speco, komerc-lernejoj kaj fak-asocioj ; el la kampo de trafiko : fervoj-kompanioj, trafik-unuiĝoj, entreprenoj de ŝip- kaj aerveturado, radio-kompanioj, hotel-organizoj ; el la instrua sfero : instru-aŭtoritatoj, universitatoj, altlernejoj, instruistaj organizoj, film-kompanioj kaj klerig-asocioj. La partopreno de instru-ministerioj, plue de ministerioj de trafiko, fervojo kaj de poŝto estas antaŭvidita kaj la partopreno de kelkaj registaroj jam certigita.

La Konferenco ne nur montru denove la ĉiutage pligrandiĝantan, sukcesan uzadon de Esperanto kiel helplingvo, sed per vasta akcelado ankaŭ certigu la enkondukon en la lernejon kaj la praktikon.

Tiucele la Konferenco, per subteno de unuarangaj fakuloj kaj specialistoj el ĉiuj sferoj, krome per paroladoj kaj raportoj, kunigos ampleksan materialon por apogo de siaj postuloj kaj diskonigo en la publiko. Ĝi prezentos Esperanton kiel laŭcelan helpilon en la supre notitaj kampoj kaj faros proponojn pri enkonduko en la lernejon kaj praktikon de ĉiuj landoj. Fine ĝi turnos sin per konformaj rezolucioj al la registaroj kaj la vasta publiko.

Vieno, la ĉefurbo de Aŭstrio, loko kun monda reputacio kaj preferata por internaciaj aranĝoj, invitas gasteme. Situata ĉe la granda trafikvojo, la Danubo, ĝi estas la transirejo, interliganta la popolojn de nordo kaj sudo, de orienta kaj okcidenta Eŭropo kaj per tio donas mem karakterizan tendencon al la Konferenco.

Dum ĉi tiuj tagoj kelkaj miloj da institucioj el la supre indikitaj sferoj estas invititaj al partopreno.

La inviton subskribis la membroj de la *Prepara Komitato*, kiuj estas :

| | |
|---|---|
| D-ro Uebelhör,<br>a. sekcia ĉefo de la oficejo<br>de la konfederacia kanceliero, | Hugo Steiner,<br>Registara konsilisto. |
| R. M. Frey,<br>kalkulkonsilisto, | Rob. Kreuz,<br>Direktoro de UEA |

Ĝi ankaŭ portas la nomojn de la sekvantaj anoj de la

*Honora Komitato :*

Emil Fey, Kavaliro de l'ordeno de Maria Theresia, Vickanceliero de Aŭstrio ;

D-ro Karl Buresch, Ekskanceliero, Ministro de Financoj ;

D-ro Kurt von Schuschnigg, Ministro de Instruado,

Komerca Konsilisto Fritz Stockinger, Ministro de Komerco kaj Trafiko;

Richard Schmitz, Eks-vickanceliero, Ministro de Sociaj Aferoj;

Barono Odo Neustädter-Stürmer, Ŝtatsekretario por Laborhavigo kaj Fremdultrafiko;

D-ro Richard Steidle, Federacia Komisaro por Propagando;

Karl Seitz, Urbestro kaj Landestro de Vieno;

Josef Reither, Landestro de Malsupra Aŭstrio;

Generalo de Infanterio Karl Vaugoin, Ekskanceliero, Prezidanto de Aŭstria Konfederacia Fervojaro;

Ed. Heinl, Eksministro, Prezidanto de Radio-Vieno;

Univ. prof., kortega konsil. D-ro Josef Bick, Ĉefdirektoro de la Nacia Biblioteko;

Prelato Prof. D-ro Ernst Heinrich Tomek, Rektoro de la Universitato de Vieno;

Prof. Inĝ. Robert Findeis, Rektoro de la Teknika Altlernejo de Vieno;

Prof. D-ro h.c. Julius Ziegler, Rektoro de la Altlernejo por Mondkomerco;

Prof. D-ro Emanuel Hugo Vogel, Rektoro de la Altlernejo por Agrikulturo;

Prof. D-ro Hermann Jansch, Rektoro de la Altlernejo por Veterinara Arto;

Konstru-konsilisto Prof. D-ro h.c. Peter Behrens, Rektoro de la Akademio por Belaj Artoj.

## PROVIZORA PROGRAMO

*Sabato* 19.5.34.

Salutvespero.

*Dimanĉo* 20.5.34. (Pentekosto).

Matene: Solena malfermo de la Konferenco (en la Parlamento).
Posttagmeze: Vizito de la ĉefurbo, rondveturado. Vizito al Kobenzl ekskursejo kun plej bela perspektivo al la urbo.
Vespere: Ĉe fama « lastjara vino ». Specialaĵo de la urbo.

*Lundo* 21.5.34.

Matene: 1. *Laborkunsido/Ĉeftemo: Esperanto, peranta lingvo.*

1) La facila Esperanto. (Provleciono laŭ la rekta metodo).

2) Esperanto, la unua fremdlingvo kiel bazo por la instruado de fremdlingvoj. (Prezento de materialo, argumentoj, spertoj).

3) Esperanto kiel kodo de interkompreno kaj kiel lingvo de korespondado. (pri provoj kaj apliko en la praktiko, materialo, diskuto).

Posttagmeze: Veturado per aŭtobuso (30 minutoj) al Klosterneuburg, fama abatejo, kun mondkonataj biblioteko, vinkelo. Restado laŭplaĉe.

*Mardo* 22.5.34.

Matene: 2. *Laborkunsido (Daŭrigo): Esperanto, peranta lingvo.*

4) Esperanto kiel internacia helplingvo. (Esperanto parolata en la diversaj kampoj: publika servo, interpretistoj, ktp. materialo, spertoj, sugestoj, proponoj);

5) Esperanto kiel sola traduk-lingvo en internaciaj intertraktadoj, kongresoj, konferencoj. (Parolado kun praktika eksperimento, la preparo de tradukistoj, materialo, proponoj).

6) Esperanto kiel lingvo de rekta intertraktado. (Parolado kun praktika eksperimento).

Formado de labor-komisionoj.
Posttagmeze: Vizito al la mondfama kastelo de Schönbrunn
Vespere: (verŝajne) Oficiala akcepto flanke de la registaro en kastelo Schönbrunn aŭ en la Nova Kastelo en la urbo.

*Merkredo* 23.5.34.

Matene: 3. *Laborkunsido/Rezolucioj. Proponoj por rezolucioj pri* la ĝenerala enkonduko de Esperanto en la lernejon kaj praktikon.

7) Esperanto en la lernejo.

*a)* En elementaj lernejoj kaj aliĝantaj lernejoj fakaj kaj de perfektigo,

*b)* en mez-lernejoj,

*c)* en komercaj lernejoj.

*ĉ)* Esperanto kiel lektorato en altlernejoj kaj universitatoj.

Vespere: Festprezentado en la Ŝtata Oper-teatro de « La Vesperto » de Strauss en germana lingvo kun kelkaj kantoj en Esperanto.

*Jaŭdo* 24.5.34.

Matene: 4. *Laborkunsido/Rezolucioj.*
*Proponoj por rezolucioj (daŭrigo).*

8) Esperanto en la praktiko (komerco, trafiko, sciencoj, profesioj).
Proponoj de la labor-komisionoj.
Rezolucioj de la Konferenco.
Fermo.

*Jaŭdo* 24.5.34. (daŭrigo).

Posttagmeze: Komuna amuzado en bela parko laŭ viena maniero (« Altwiener Jause »). Partoprenos la « Deutschmeister-orkestro », fama malnova soldata muzikistaro en iamaj uniformoj, plue la Ligo por Konservado de iamaj Vienaj Kutimoj (Altwiener Bund) en vienaj kostumoj el pasinta tempo.

*Fino de la Konferenco*

## INFORMARO

*Paroladoj kaj raportoj* estas *allasataj* en ĉiuj naciaj lingvoj kaj en Esperanto. La *tradukado* okazas nur en Esperanto.

Ĉi tiu *programo* estas provizora. Ĝi povas esti modifata.

La *tagordo* povas esti plilarĝigata laŭbezone.

La *definitivaj indikoj* estos publikigataj, resp. dissendataj, pli malfrue.

*Proponoj* de interesitoj pri paroladoj aŭ raportoj por la diskuto estas sendotaj kiel eble plej frue al la sekretariejo.

*Kotizo.* La kotizo pagota de ĉiu partopreno al la Konferenco estas *sv. frk.* 12.— (aŭ egalvaloro) pagebla per poŝtmandato, poŝtĉeko aŭ en biletoj en registrita letero al la sekretariejo. Post ĝia pago ĉiu aliĝinto ricevas numeritan membro-karton. Ĝi servas kiel legitimacio por senpaga havigo de rabatilo por la aŭstriaj fervojaro kaj ŝipoj, enirbiletoj por Solena Malfermo en la Parlamentejo, al la festprezentado en la Ŝtatopero (« La Vesperto »), por la ĉambraro de l'Imperia Kastelo en Vieno kaj Schönbrunn, por la vesper-aranĝoj, ktp. inkluditaj en la kotizo.

*Loĝigo.* La sekretariejo peradas laŭdezire loĝigon kun aŭ sen pensiono por ĉiuj aliĝantoj. Detaloj estos ankoraŭ publikigataj.

*Adreso de la Sekretariejo.* La sekretariejo de la Konferenco troviĝas en la ejoj de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno. Ĉiuj sendaĵoj estas direktotaj al:

« Internacia Konferenco Vieno 1934 »
Neue Hofburg, Heldenplatz,
Wien 1
Aŭstrio.

Telefono: R 27-803 — Poŝtŝparkasa konto (Poŝtĉeko): B 190-946 — Telegram-adreso: Esperantokonferenco, Wien 1.

---

En kunagado kun la prezidanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio kaj de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, la ICK dum pluraj monatoj jam entreprenis preparajn paŝojn por tiu ĉi nova internacia konferenco. La Universala Esperanto-Asocio, per la Interkonsento de Kolonjo, fariĝinta la unueca organizo de la Esperanto-Movado, daŭrigas la tradician voj-iron por la propagando en la praktiko. La nova sekcio de UEA por Eksteraj Aferoj partoprenas en la teknika preparado de la konferenco. *UEA* per tio *alvokas* ĉiujn membrojn de la oficiala organizo, estraranojn kaj delegitojn de UEA, la estrarojn de la naciaj (landaj) asocioj, la fak-organizaĵojn kaj la Esperanto-gazetaron, plej energie kunagadi por plena sukceso de tiu ĉi konferenco, oficiale helpata de la registaro de Aŭstrio. Ĝi atendas aparte varman subtenon el ekstereŭropaj landoj.

La celo de la konferenco estas klare difinita. Ni cetere bazas sur antaŭaj spertoj. La konferenco devas superi ĉiujn antaŭajn. UEA do petas, ke ĉiuj esperantistoj informu la sekretariejon de la Konferenco pri invitindaj aŭtoritatoj, korporacioj, instituticoj, aŭ eminentuloj, kiuj interesiĝas aŭ povas interesiĝi pri nia programo, same pri personoj

ne-esperantistaj, sed fakuloj, kiuj aprobe sintenas al nia lingvo kaj per sia sperto povas kontribui al la temoj.

La dato de la Konferenco koincidas kun la organizo de kelkaj naciaj kongresoj esperantistaj, je pentekosto. Ĝi ne estas fiksebla alimaniere, ĉar ni dependas de specialaj cirkonstancoj, kiujn ni devas konsideri kiel faktojn. UEA ne nur petas, sed atendas, ke spite al tio, la naciaj asocioj esperantistaj faros ĉion eblan por altigi la nombron de la konferencanoj. Eventuala ŝanĝo de la dato de l'nacia kongreso estas rekomendinda. La konferenco ankaŭ neniel estas destinita konkuri kun la universala kongreso en Stokholmo. Kontraŭe ĝi helpu al ĉiuj niaj nunjaraj aranĝoj. Ĝi estu pel-motoro por pliaj iniciatoj. Ĝuste pro tio la gvidinstancoj de nia movado akceptis la okazon, proponitan al ili el Aŭstrio.

La oficiala interesiĝo kaj precipe la financa favorigo de la ŝtataj aŭtoritatoj devigas nin nepre al vasta propagando por sukceso de l'konferenco. La publika propagando devas esti aparte vigla. Ne temas pri simpla esperanto-kunveno, sed pri manifestacio por la publiko.

La Prepara Komitato en Vieno jam ekkomencis modelan diskonigon. Per radioparolado ĝi antaŭsciigis jam la okazigon de la konferenco. Unuan fojon cetere, la *radio-disaŭdigo* estos metata en la daŭran servon de nia movado por tia special-aranĝo. El la stacio de Radio-Vieno *de nun ĉiumerkrede* estos farata radioparolado pri Aŭstrio en Esperanto kaj samtempe diskonigataj ĉiuj informoj pri la konferenco, kiuj povas interesi tiel la esperantistaron, kiel la publikon. Ne preterlasu kiujn ajn eblecojn por helpi al nia propagando.

La *efiko* de la konferenco estos influata de la impreso, kiun havos la ĉeestontaj ne-esperantistaj korporacioj, aŭtoritatoj kaj eminentuloj. La *sukceso* dependos ekskluzive de la vigleco kaj aktiveco en niaj propraj vicoj. Neniu helpanto devas manki. Neniu malhelpu aŭ malfacilaĵo devas timigi nin. *La unueco esperantista estas atingita en la organizo. Ni pruvu, ke unueco ankaŭ gvidas nin spirite, ke ni havas unu deziron, unu volon : Sukcesigi Esperanton.*

Robert Kreuz,
Direktoro de UEA.

## Radio programo de Vieno

| *Dato :* | *Parolanto :* | *Temo :* |
|---|---|---|
| 7. II. 1934 | Kalkul-Kons. Frey : | Karnavalo en Aŭstrio. |
| 14. II. 1934 | Reg. Kons. Steiner : | Viena Foiro. |
| 21. II. 1934 | Hofrat D-ro Wollmann: Lerneja Inspektoro-Ŝtataekzamen-komisaro en Esperanto | Internacia Konferenco Vieno 1934 kaj la Lernejo. (Germane kaj en Esperanto). |
| 28. II. 1934 | Nikolao Hovorka | Modernaj aŭstriaj verkistoj. |
| 7. III. 1934 | Gustav Weber: Teksto de eksministro Heinl, prez. de Radio Wien: | Metioj kaj iliaj akcelado en Aŭstrio. |
| 14. III. 1934 | Reg. Kons. Hugo Steiner: | Kastelo Schönbrunn. |
| 21. III. 1934 | E. G. Bernfeld, ĈD de UEA : | Printempo en Karintio. |
| 28. III. 1934 | Inĝ. Hugo Steiner, jr. : | Moderna konstruado en Aŭstrio. |

Je la fino de ĉiu parolado informoj pri « Internacia Konferenco, 20-24 Majo 1934 en Wien, plie la horon de l'venonta parolado.

Pri bona akcepto skribu al : Internacia Esperanto-Muzeo, Wien I, Neue Burg, aŭ al Radio-stacio « Ravag » rekte.

# Esperantistoj atentu !

Parolas
F-ino Lidia Zamenhof

*F-ino Lidia Zamenhof, filino de l'aŭtoro de Esperanto parolis ĉe la mikrofono en stacio Lyon-la-Doua,* 30 *Dec.* 1933. *La saĝaj vortoj meritas esti presataj — eĉ monaton pli malfrue.*

Karaj gesamideanoj, denove venas al la fino unu el tiuj epokoj, kiujn ni nomas jaro. En sia eterna kurado ĉirkaŭ la suno denove la tero venas al unu punkto, ĉe kiu ni faras la kalkulon de tio, kio estis, kaj turnas la rigardon al tio, kio estos. Estas la kutimo, ke ĉe la sojlo de la Nova jaro oni diras al siaj amikoj bondezirojn, do estas simple, ke vi, kiuj min nun aŭskultas, atendas aŭdi post momento la dezirojn, ke la Nova Jaro alportu venkon al nia afero.

Do, karaj samideanoj, eble vi estos tre konsternitaj, ke tiajn bondezirojn mi ne esprimas antaŭ vi.

Ke la Nova Jaro alportu al ni triumfon ? Naivaĵo ! Plie, danĝera naivaĵo, kiu povus instigi nin sidi kun manoj kunplektitaj kaj rigardi la kalendaron, atendante de ĝi miraklon.

Se ni forte deziras ion, ni ne devas sidi, atendante, sed ni devas iri kaj preni, akiri konkeri tion, kion ni volas.

Kaj tial mi ne diras : Ke la Nova jaro alportu al ni triumfon, sed : ke en la Nova jaro ni atingu triumfon.

Kie kaj kia estas la vojo al la venko ? demandas multaj, kiuj vidas, ke malgraŭ multaj niaj penoj kaj laboroj la Ligo de Nacioj ne metas ankoraŭ la problemon de lingvo internacia sur la tagordon de speciala, eksterordinara kunveno, kaj la ŝtatoj ne mobilizas ankoraŭ, la esperantajn instruistojn.

Mil kaj unu vojoj kondukas al la venko. Sed jen alia demando : Kiel iri al tiu venko ?

Se la armeo estas maldisciplina, se diversaj generaloj malpacas inter si — tiam atingi la venkon ne estas eble. Sed kiam la armeon regas disciplina stabo, tiu stabo faras planon kaj sendas taĉmentojn sur ĉiujn el la mil kaj unu vojoj, ĝi sieĝas la celon, atakas de ĉiuj flankoj kune, sed plane, kaj rompas la murojn, kaj konkeras.

En tiu jaro, kiu morgaŭ mortos, kiel fenikso, por, kiel fenikso, renaskiĝi el la propraj cindroj, kion atingis ni, esperantistoj ?

Ni atingis gravan venkon, la internan venkon, la internan rekonstruon. Du manoj interplektis sin, du torentoj unuiĝis kaj formis unu riveron, du regimentoj formis unu armeon.

Sed eĉ tio ankoraŭ ne sufiĉas. Plej geniaj generaloj ne gajnas la batalojn, se ne staras post ili vico da simplaj soldatoj, vico da soldatoj sennomaj, sed pretaj al ĉiaj oferoj.

Kaj tiaj soldatoj estas ni ĉiuj. Ĉiu el ni havas sian postenon, kiun li ne rajtas forlasi, sian sanktan devon, kiun li devas plenumi, sulkon, kiun li devas fosi. Kaj de tio, kiel ĉiu el ni plenumas sian devon, dependas la fina venko de nia idealo, la triumfo de nia verda armeo. Kaj se la venko venas malpli rapide, ol ni dezirus, ni ne riproĉu nur niajn generalojn, sed ĉiu el ni, eĉ plej simpla kaj plej sensignifa ŝajne vicano, demandu la propran konsciencon : ĉu mi plenumis mian taskon ?

Kaj tial, karaj samideanoj, ĉe la sojlo de la Nova Jaro mi salutos vin per vortoj malnovaj, sed neforgeseblaj :

« Forte ni staru, fratoj amataj ! »

# Universala Esperanto-Asocio

**— Transira epoko — La nova UEA — Praktika apliko — Laboroj dum 1934 — La situacio —**

*Sub tiu ĉi titolo ni kutimis ĝis nun konigi en libera formo, sciindaĵojn el la interna vivo de UEA. Sperto montris, ke tiu ĉi maniero taŭgas; konsekvence ni daŭrigas ĝin. Depost Kolonjo la Asocio troviĝas en transiro de malnova al nova epoko. Pasis 6 monatoj dum kiuj valoraj spertoj estis faritaj. Kaj pri ili ne ĉefe raportas.*

*Transira epoko.*

La unua laboro estis, reformi la statuton de UEA laŭ la Interkonsento de Kolonjo, enigi la esencajn punktojn. Tuj montriĝis, ke simpla enigo donus nur fliklaboron. La prezidanto de UEA reverkis do la statuton, tiel ke ĝi formu tutaĵon kaj ke iuj partoj ne kunpuŝiĝu kun aliaj. La karaktero de l'statuto ne estas nura konstitucio, t.e. fikso de fundamentaj rajtoj kaj devoj. Enestas aro da principaj reguloj administraj, akiritaj el la sperto de 25 jaroj. Rekomendiĝis konservi tiun ĉi formon miksitan, kio permesas facilan adapton al la variaj bezonoj kaj kutimoj.

La Komitato de UEA intertempe privoĉdonis la novan statuton. La fina punkto estas la voĉdono de la Delegitoj, okazonta dum Februaro aŭ Marto. Pri la formo kaj enhavo de l'statuto, sekvos klariga artikolo pli poste kaj el kompetenta plumo.

Estas tie ĉi la loko konsili iom da pacienco al iuj, opiniantaj ke ĉio ligata al decidoj en Kolonjo, efektiviĝos per manturno. Monto da korespondaĵoj necesis por atingi klarecon kaj precizecon. Sen tio bona laboro ne estas ebla, kaj postan flikadon oni malhelpu dekomence.

*La nova UEA*

Ĝis 1933 UEA formis por tiel diri, la puŝforton de l'praktika Esperantismo. Servi kaj utili pere de nia lingvo kaj de ĝia organizo, estis ĝia devizo (gvidvorto).

La nova UEA konservis tiujn esencajn trajtojn. Ŝanĝis la maniero apliki, kio estas rezulto de kompromiso. Cedante en materiaj detaloj, UEA konservas tion, kio igis ĝin atentinda. Senpolitikeco, supernacieco, sinlimigo. Tio signifas ke la nova UEA estas politike, religie, rase absolute neŭtrala, ke ĝi volas esti ponto inter diversgentaj homoj, ke ĝi entreprenas konscie *nur* tion kion racio kaj sperto konsilas. Nek estas loko en UEA por politikaj diskutaĉoj, religiaj harfendaĵoj, konsideroj pri rasa supereco, nek por entreprenoj naskitaj el ideo de surtera Edeno, realigebla per tutmonda lingvo. Sed UEA defendas ĉion, kio celas pli bonan sinkomprenon.

La materiaj ŝanĝoj en UEA rilatas al : Elekto de l'Komitato, de la Delegitoj kaj la plej grava : La kreo de malaltpreza membreco sen livero de Jarlibro. Tiu ĉi lasta ŝanĝo en UEA devus aŭtomate igi ĉiun nacie organizitan samideanon, Membron de UEA.

Aliaj ŝanĝoj estas pli malpli sekvo de akirita sperto kaj de dekoracia naturo. Ili ne tuŝas principojn, sed kiel plibeligo agrabligas la aspekton de l'tuto.

*Praktika apliko.*

La apliko de l'nova vojaĝplano de UEA apartenas al la Fako por Internaj Aferoj, kiu sume reprezentas la malnovan UEA. La videbla signo de tiu ĉi apliko estas la speciala numero de *Esperanto*, sendita al ĉiuj organizitaj esperantistoj, kies adresojn ni sukcesis ricevi. *Speciala* ĝi estis jam pro la prokrasto. Preta ĝi estis fine de Novembro kaj nur unu detalo grave malhelpis : La unika kotizo. Efektive tiu ĉi tiom arde dezirita *unikaĵo* montriĝis por iuj landoj, ega komplikaĵo. Aldone ni rimarku ankaŭ, ke kelkaj Landaj Asocioj bezonis longan tempon por informi pri iuj detaloj.

Plia grava laboro estis la ellaboro de l'unika membrokarto. Ĝi ekzistas nun por Belga, Brita, Dana, Franca, Sveda kaj Svisa teritorioj. Ĝi montras la titolojn de l'Landa kaj de l'Universala Asocioj. Ĝi estas frukto de kunlaboro plej signifa por la estonto. La proponon de UEA oni preskaŭ senŝanĝe akceptis. La nova membrokarto pruvas nigre sur blanke la atingitan interkonsenton. — Kun la organizaĵoj en aliaj landoj, UEA korespondas kaj estas esperinde, ke ĝis la kongreso la plimulto el ili estas provizataj je la unika membrokarto.

*Laboroj dum 1934.*

La jaro 1934 estas transira. La nova veturilo devas esti provata, singarde, atente. Verŝajne montriĝos iuj malglataĵoj, okazos eble perturboj. Ĉio tio ne rekomendas *tuj* entrepreni novajn aferojn. Unue funkciu bone la nova organismo, due eniru sufiĉe da kotizoj, por ke ĉio nova estu pravigebla. Inter la laboroj kutimaj ni atentigu pri la laŭte promesita kresko de lokoj kun Delegitoj. Unuan konkretan esprimon de tiu ĉi promeso vi vidis en *Esperanto*, Decembro kaj Januaro, en la oficiala informilo : Novaj lokoj kun Delegitoj.

Daŭras la varbado kaj la ricevo de l'kutimaj liveraĵoj; daŭras la servoj. Plibonigoj de iuj servoj estas farataj aŭ jam efektivigitaj. Pri eksteraj aferoj legu en tiu-ĉi numero la alvokon pri la Konferenco en Vieno.

Estos la tasko de la nova estraro de UEA, kunvenonta dum Pasko en Genève ekzameni novajn aferojn.

Sen certigita fundamento, nenio nova estus pravigebla.

*La situacio.*

Ĉu praviĝos la optimisme elektita rozkolora vestaĵo de la speciala numero ? Ĉu ni rajtas esperi, atendi kaj kalkuli je pliboniĝo de la tempo ? Ĉu la varme donitaj certigoj pri nepra firma helpo al UEA, flanke de la naciaj organizaĵoj, efektiviĝos ? Jen demandoj nefacile respondeblaj. Ne estas la momento, plendi, plori, protesti pro io ajn fuŝa aŭ malbona. Ke estas tre malbona tempo, tion ni ĉiuj scias. Ke UEA bezonas vian helpon, vian oferemon, vian fervoron, vian fidon, ni ripetu tie-ĉi. Ke tiuj ĉi atendoj esprimiĝu per duobligo de l'aktiva membraro estas absoluta neceso. El la unuecigo ne rezultu malfortiĝo de l'Universala Asocio, jen konkludo de nuna meditado. Lojale ĉiuj kunhelpu por la sukceso de l'interkonsento, kio liberigas la vojon al nova laboro fruktodona.

Hans Jakob.

# Literaturo

## LA JAROJ INTER LI KAJ ŜI

De Erwin STRANIK

Kiam li estis *dudekdujara,* farante la lastajn ekzamenojn, li enamiĝis. Lia juna koro ekardegis por knabineto, kiel neniam antaŭe.

Dum varmegaj someraj noktoj li revadis pri ŝi, kaj se li vidis ŝin ĉe l'lago, malaperis apud la amatino la floranta naturo. Nenio plu ekzistis — nebuliĝis montoj, valoj, krutaj rokoj, bluaj lagoj... restis nur *Kitty,* kies gracila beleco superbrilis ĉiujn miraklojn de l'mondo. Ŝia delikata de *brunaj bukloj* ĉirkaŭita vizaĝeto allogis, ŝiaj brunaj okuloj en ĉasta modesteco rigardetis, se viro parolis kun ŝi; ŝia korpo simila al virga burĝono infaneca, sed jam flatata de tremetoj virinaj, kaŭzis al la junulo ebriiĝon, kapturnon.

De kiam li konatiĝis kun Kitty, ĉiuj memoroj pri aliaj fraŭlinetoj estingiĝis. De kiam li vidis ŝin, ne plu ekzistis Anny, Dolly, Ria, Greta, Lia, neniu — absolute neniu — *krom ŝi... Kitty.* Al ŝi li kompreneble ankoraŭ ne povis konfesi sian sopiron, sian ardegan pasion. Li devis gardi ĉion plilongtempe — ĝis kiam Kitty maturiĝus, lin komprenus — ŝi ja estis nur *dekdujara.*

* *

Kaj nun li fariĝis *tridekjara,* bonege faris siajn ekzamenojn, ekagis fruktodone kiel kuracisto. Liaj pacientoj laŭdis lin, li famiĝis. La atendejo neniam senhomiĝis. Li gajnis multan monon, por du estaĵoj sufiĉanta, kaj, se la sorto volus, por eta, dolĉa infano. Nun serioze li okupiĝis pri edziĝo. Nur unu *sola, amata* estaĵo estis lia deziro : *Kitty,* kiun li kun firma fideleco amis, sindone adoris, kiun li estus teninta sur siaj manoj, nur atendante ŝian « jeson ».

Li elegante vestis sin, iris al Kitty. Delikate, timeme li petas ŝian maneton. La knabino skuis siajn *brunajn buklojn* kaj diris :

« Kara amiko, mi ankoraŭ ne povas edziniĝi. Mi estas tro juna, apenaŭ *deksesjara* ».

* *

Li estis juvelo, maloftaĵo de nia senkaraktera mondo. Li fariĝis ĉefkuracisto en plej granda hospitalo de la urbo kaj docento en la universitato. Lia salajro estis giganta, dekoble pli multe ol li gajnis en la komenco de sia kariero. Estis honoro aparteni al liaj pacientoj. Ĉien oni invitegis lin, al teo, dancvesperoj, aranĝoj, kaj ne ekzistis familio, kiu ne estus dezirinta tian bofilon. Belegaj dotoj allogis, bonegaj rilatoj montriĝis, sed li rezistis firme kaj obstine. Super la realeco briletis ensorĉanta bildo : *Kitty.* Ŝi ĉiutage plibeliĝis, ĉiam pli kaj graciliĝis, ŝia korpo serpentosimile premiĝis al li, ke li heroe tenis sin, por ne kisegi la adoratan estaĵon !

Sed li respektis la volon de Kitty. Atendis ŝian decidon. Atendis ĝis *kvardek jaroj,* jam liaj haroj griziĝis, lia buŝo malĝoje ridetis. Sed nun ankaŭ por Kitty devus ja veni la tempo ! Li iris al ŝi, transdonis ruĝajn rozojn kaj decide petis ŝian maneton.

Kitty, kies paleta vizaĝo ĉirkaŭita de *ruĝaj* bukloj, ridetis, diris per petanta voĉo : « Kara amiko, lasu al mi ankoraŭ kelkajn jarojn de mia juneco kaj libereco. Ho, kiel rapide forpasas printempaj tagoj ! Mi ja apenaŭ estas *dudekdujara.*

* *

Kaj li rapide maljuniĝis, malgraŭ ke li fervore sportis. Li estis serĉata personeco, profesoro en universitatoj, prezidanto de fakorganizacio... eminenta kuracisto. Li okupiĝis pri esploradoj teoriaj kaj sciencaj. Lia famo en tuta mondo disvastiĝis. Nun alvenis lia *kvindeka* naskiĝtago. Gratuloj, bondeziroj de siaj lernantoj kaj kamaradoj kortuŝis lin. Li estus rezigninta pri ĉio. Sian vivon li dediĉis al laboro... li, kiu deziris edzineton amatan kaj deziratan.

Larmoj amaraj gutetis el liaj okuloj. Je *Kitty* li pensis, al ŝi sopiris lia maljuna vira koro. Nun li ja ne plu estis bela, havis kalvon, sed la libereco de Kitty estis savita, ŝi povis ĝui sian junecon, sen katenoj, sen tedaj devigoj. Eble tamen ŝi nun dezirus fariĝi lia vivkunulino.

Denove li vizitis la adoratan estaĵon, diris tion, kion li jam plurfoje petis. Li flue parolis. Konvinkis ŝin per varmaj vortoj, ke Kitty kortuŝiĝis.

Kaj ŝi respondis al li, etendante sian beletan, blankan manon, per ĉarma, infaneca rigardo; ŝian vizaĝeton ĉirkaŭis *orblondaj bukloj.*

« Kara mia, mi vere estas kortuŝita de tiom da sindono. Sed vi komprenas — edzeco inter ni ne estus bone. La diferenco de niaj jaroj estas tro granda. Vi jam estas pli ol *kvindekjara* kaj mi apenaŭ finis 25 *jarojn* ».

(Trad. Minuŝka MANTEL, Lwów).

## Elekto de Nutug *

**El Lamaa Folklora Mongola.**

Lia eminenco Gungyn Zuugyn Gegeen — eminenta filozofo kaj literaturisto mongola estis ankaŭ fama kiel aŭguristo. Foje iu homo deziris kaŝesplori lian aŭgurecon kaj alpreninte por unu ŝtoneton el fundo de la puto, pinto de la kruta monto, kaj tombejo petis : — via Eminenco, mi deziras elekti la plej feliĉan kaj bonan Nutugon. Por tio mi alprenis tri ŝtonetojn el tri diversaj lokoj. Bonvolu aŭgurelekti, kia loko estos la plej bona kaj ĝusta por mia loĝado.

Gegeen prenis siajn aŭgurkubetojn, jetis po unu fojo por ĉiu alprenita ŝtoneto kaj respondis :

— Se vi povus enhavigi sin — ĉi tiu loko estus bona, kaj se vi povus firmostari la dua loko estus ankaŭ bona, sed la tria loko estos ja ĝuste « Nutug » !

---

* Nutug — patrolando, hejmo, la loko oportuna por nomadado, kie oni vivadas en feltodomoj ; metafore — la loko de la lasta nomadigo de la step-loĝanto — la tombejo.

Gegeen (Helulo) Mongola titolo de Pontifiko.

En Mongolio oni ofte turnas sin al la lamaoj-sortodivenistoj, petante antaŭdiri, kia loko estas la plej bona «Nutug».

*El Mongola lingvo tradukis: Junŝebu Rinĉino,*
*Ulan-Bator-Hoto (Urga)*
*Mongola Popola Respubliko*



# Vintra sporto en la Nordo



## Glitjaĥtveturado en Djursholm

La plej ekskluziva surglacia sporto estas la glitjaĥtveturado. Estas ne nur tio, ke ĝi estas iom pli multekosta ol alia vintra sporto — glitjaĥto[1] kostas inter 1000 kaj 2000 kronojn kaj ke ĝi postulas iom pli da kuraĝo, malmolan haŭton kaj ŝtalon en brakoj kaj kruroj, ĝi ankaŭ limigas sin je tri landoj, kaj ĝi apenaŭ povas disvastiĝi al multe pli grandaj rondoj. Oni veliras per glitjaĥto en Skotlando, Kanado kaj Svedujo. Sed apenaŭ en iu alia loko. En Rigo oni provis, kaj aspektis promesige antaŭ la milito, sed nun oni jam ne aŭdas ion de tie. La dana reĝo estis ravita de la plezuro kaj iun jaron aĉetis paron da jaĥtoj, sed la glacio estis pli malfacile havigebla. Kaj jen li ne plu montris sin. Norvegujo devus havi glacion kaj monon, sed oni ne havas sufiĉe grandajn kaj spacajn golfetojn en la mallarĝaj fjordoj. La neĝo ankaŭ baldaŭ kunbloviĝas en amasojn.

La sporto estas kaj restas ekskluziva.

La glitjaĥt-veturado tamen ne estas tre malnova en Svedujo. En la komenco de ĉi tiu jarcento — post la Nordlandaj Ludoj 1901 — oni fondis la glitjaĥtan klubon de Stokholmo. La « ŝiparo » ankaŭ ne estas pligrandigita en tre alta grado. Estas preskaŭ la samaj jaĥtoj de jaro al jaro, sed la nombro tamen atingis proksimume 40, kaj la membra cifero 200.

Post multe da serĉado oni definitive decidiĝis por glitejo ekster Djursholm, ½-horan vojaĝon de Stokholmo per elektra fervojo, sur la Granda Vărtan[2], kie oni ankaŭ havas klubdomon, betonan ŝipon, kiu neniam povis trankviligi sian sopiron al la vastaj akvoj, sed por ĉiam kuŝas ĉe ankro tie ĉi. Ĝi enhavas kajutojn por sinjorinoj kaj sinjoroj, kaj klubĉambron kun pargeta planko kaj aliaj komfortaĵoj. Ĝi do estas, kiel oni komprenas, konsiderinda ŝipkorpo de 600 tunoj en morta pezo. Ĝi staros — aŭ eble pli ĝuste kuŝos — tiel longe kiel daŭros la betono kaj la blankaj vintrobirdoj sur siaj brilaj ŝtalpiedoj peliĝos sur la glacioj de Vărtan. Ĝi estos kaj restos klubdomo, eĉ pli unika ol la sporto mem estas.

Ĉefe estas malnovaj kaj kutimigitaj « maristoj », kiuj vintre okupas sin pri la glitjaĥt-veturado. Ili kvazaŭ ne havas trankvilon en la korpo, tuj kiam blovas vento kaj la maro estas blua, jen estu ŝaŭmaj ondoj kun blankaj krestoj aŭ glatglacio kun iom da neĝo tie kaj ie ili devas eliri. Kaj de tio devenas, ke ekster Djursholm sur la markita glitejo dimanĉon post dimanĉo, kiam la glacistato tion permesas, unu velirado sekvas la alian. Sed ĉi tie ne estas kiel en la somera ŝipeto, ke oni povas lasi la helpiston prizorgi la ludon. Oni devas mem esti viro por sia standardo. Kaj eble tio faras la sporton iom izolita — necesas pli ol nura povo aĉeti multekostan veturilon — sed eble ankaŭ ĝuste en tio kuŝas la ravo de la veturado. Iras kun sibla rapido, kaj tiu kiu direktas siajn paŝojn al Djursholm iun dimanĉon, devas atenti ke li ne venas internen de la limsignoj de la glitjaĥta klubo, i.a. pro tio ke la glitjaĥto ĉiam boardas, kaj sekve ne estas facile scii de malproksime, kien ĝi fine direktiĝos.

### La Velglitantoj faras longajn ekskursojn sur la lagoj kaj golfoj ĉirkaŭ Stokholmo

La velglita[1] klubo de Stokholmo en multaj rilatoj havas alian karakteron. Ĝi estas iom parenca al la migrant-societoj kaj al la germanaj « Wandervogel » societoj. Nome estas tiel, ke la velglita klubo neniel limigas sin je nur velglitado; en alta grado ĝi favoras ekskursojn per glitiloj, sen velo. Ofte oni ekskursas sur la Mălar-lago aŭ sur la golfetoj de la Balta Maro al lokoj je distanco de 40 ĝis 60 mejloj de Stokholmo. Estas, kiuj faris dimanĉajn ekskursojn eĉ pli malproksimen, kaj pluraj membroj, inter ili kelkaj sinjorinoj, antaŭ du-tri jaroj prenis du tagojn por gliti de Örebro al Stokholmo.

La velglita klubo ankaŭ estas infano de ĉi tiu jarcento. Ankaŭ ĝin oni fondis post la unuaj Nordlandaj Ludoj 1901.

Jam en marto 1901 oni faris konkurson sur la glacio de Vărtan kaj en tiu partoprenis i.a. princo Wilhelm. La reĝa familio cetere jam de la komenco vigle subtenis la glitsporton en Stokholmo, kie ja ankaŭ el malnova tempo la glitŝuo estis populara ilo, precipe sub lerta paro da kruroj. Krom princo Wilhelm jam en frua stadio aliĝis la princoj Carl kaj Eugen, kaj kun la tempo ankaŭ la konprinco, kaj nun aliĝis lia filo, princo Gustaf Adolf.

Dum la pasintaj jaroj oni i.a. sukcesis krei novan tipon de velo. Origine la velo havis formon de trapezo, sed nun ĝi similas al kuŝanta drako kaj tial ankaŭ estas nomata drakvelo.

Ne malpli grava — nek malpli bela — estas la dometo inter Baggensfjärden kaj Erstaviken (du golfoj de l'Balta Maro oriente de Stokholmo), grimpinta sur la plej altan montosupron kiel aglonesto kun elvido al Saltsjöbaden (Salmaraj Banoj, nomo de banloko proksime de Stokholmo) Ĝi povas enloĝigi 17 sinjorojn kaj 8 sinjorinojn kaj estas ĉarma rifuĝejo por la klubanoj.

La plej bona afero tamen estas la komunikiĝa sistemo de la klubo. Vendrede matene oni kolektas de fidindaj reprezen-

[1] *Glitjaĥto* estas triangula krucforma glitveturilo kun masto kaj velo, per kiu oni veliras sur glacio.

[2] *Granda* kaj *Malgranda Vărtan* estas golfoj de la Balta Maro nordoriente de Stokholmo, en la insularo.

[1] Ĉe velglitado oni uzas ordinarajn glitilojn (glitŝuojn) kaj veliras per helpo de portebla velo.



tantoj en la lokoj ĉirkaŭ Stokholmo komunikojn pri la glacistato. Laŭ tiuj oni poste ellaboras raporton, kiun oni presas kaj en la posttagmezo de la sama tago ekspedas per poŝto al ĉiuj membroj de la klubo, kiuj do ne pli malfrue ol en la sabata posttagmezo havas ĝin en la mano kaj laŭ ĝi povas disponi sian dimanĉon. Ĝenerale la karto ankaŭ sciigas pri komuna ekskurso aranĝita, ĉar sendiskute ja estas pli agrable esti pluraj personoj en akompano sur la glacio. Eĉ se la karto ankaŭ enkapigas la neceson, ke glacipikilo, glacinajloj, savoŝnuro kaj minimume unu glacisperta persono ĉiam devas kunesti. Tiuj raportoj — kiujn prizorgas treege fidinda sekretario oferanta por ili multe da tempo — kompreneble en alta grado kunhelpis stimuli la intereson pri la ekskursoj de la klubo. Ankaŭ oni nur bezonas ĵeti rigardon al la tramaj kaj fervojaj linioj al la ĉirkaŭaĵoj de Stokholmo dimanĉan matenon en tiuj tempoj de ŝtal brila glacio, kaj oni trovos multnombrajn klubanojn laŭlitere armitajn ĝis la dentoj kontraŭ la falsema Ran (laDio de l'Maro).

Tre strange la junularo estas malmulte reprezentita en tiuj societoj. Ili preferas la bandy-ludon en proksimaj ludejoj. La membroj de la velglita klubo, kontraŭe, direktiĝas al la Mälar-lago aŭ la marborda insularo, tre tre malproksimen.

(Trad. B. GERDMAN).

# La universo

*El ciklo « Kosmo »*

*Senlime sin etendas monda valo,*
*En kiu hejmas stela aro brila,*
*Baziĝas sur etero-spac' subtila*
*Por stela ujo la piedestalo.*

*Mirigas formitaĵo de realo,*
*En kiu regas vivo maltrankvila.*
*Ja, verko grandioza kaj belstila*
*Fariĝis la ĉiela lumo-halo.*

*Ĉu estas far' de iu fort'demona?*
*Ĉu kreis ĝin potenca feo bona?*
*Aŭ verkis ĝin armeo da titanoj?*

*Mondiĝis mem praaĵo materia,*
*Viviĝis ĝin substanco reakcia;*
*Formiĝis mond' el mondaj pravulkanoj.*

J. REISINGER.

# La publiko kaj Lindbergh

Lindbergh flugadas kaj aŭtumas tra la mondo kaj ŝajne bonfartas, se oni povas kredi lin. Oni preskaŭ tute lasas lin en paco. Plurloke oni kredas, ke li iomete troigas. Ŝajnas, kvazaŭ li volus veki atenton tiel, ke li kaŝas sin kaj ŝajnigas pli grandan priatenton kaj honorigon, ol estas laŭvere. Eble li estas ankaŭ iom fiera.

Sed kiam oni aŭdis lian rakonton pri la maniero, kiel oni rilatas al li en Ameriko kaj kiam oni scias, kiome frenezaj estas la amerikanoj kaj kiom trudemaj ili povas iĝi, do oni fakte komprenas, ke Lindbergh'on kaptis timemo de la homoj. Li certagrade pravas esti « freneza » laŭ sia maniero.

Tuj, kiam li malfermas la pordon en Ameriko, jen staras ekstere kelkaj fotografistoj kaj klakigas la aparatojn. Ĉiu lia paŝo estas kontrolata. Imagu vin mem en tia situacio, ke oni konstante gardadas vin, kaj ĉion, kion vi faras, oni interpretas sensacie kaj pike. Kaj ke vi figuras ĉiutage en la gazetoj kun ĉiuj eblaj grimacoj.

Sed ne nur tio. Oni kutimas ataki Lindberghon sur la stratoj, forŝiri liajn kravaton, kolumon, butonojn, ŝuojn kaj eĉ harbuklojn, kiel memoraĵojn de la nacia heroo. Finfine iĝos multekoste konstante akiri al si novajn kolumojn, kravatojn, butonojn, ŝuojn. Li ja tamen ĉiam ŝparas iom je hartondo. Pri tio zorgas la tuta amerika publiko ravita, kvankam laŭ iom dolora kaj malmola maniero. Tamen estas bone ĝis kiam oni forŝiras de li la harojn, kiom ajn grandan doloron kaŭzus tio. Estus ja multe pli malbone, se ili atakus lin per tondiloj kaj eksvingus ilin ĉirkaŭ lia kapo dum sovaĝa tumulto.

Antaŭ nelonge ni vidis en filmĵurnalo pri la atlantflugo de Amy kaj Jim Mollison, ke iuj en Usono vere trograndigas. La kompatinda paro falegis antaŭ la alveno al Novjorko kaj serioze vundiĝis. Lacaj, vunditaj kaj malsategaj, tamen ili devis roli antaŭ la filmkameroj. Kiam la doktoroj prizorgis ilin, ĉirkaŭvolvis per vindaĵoj kaj plastroj, oni metis ilin sur portliton kaj puŝis per rulseĝo antaŭ la fotografbaterion. Oni devigis ilin diri kelkajn vortojn en radiomikrofonojn, kiujn oni etendis al ili. Poste ili kunfalis, elĉerpitaj pro sinstreĉo, malsano kaj krucfajro de l'intervjuintoj.

Estas mirige, ke la popolamaso ne ĵetis sin super ilin kaj ne forŝiris la vindilojn kaj plastrojn kiel memoraĵojn, aŭ ke oni ne kuregis al la lambastonoj kaj frakasis la rulseĝojn kaj portlitojn por ricevi pecon de memoraĵo.

Kiom fiere oni povus montradi dum iu festeno al sia amikaro kaj gapantaj gastoj plastron de sur la rompita vizaĝo de atlantflugisto, aŭ sangan vindaĵon de la frakasita kapo de l'atlanta flugisto. !

— Rigardu-rigardu, diras fiere la gastiganto. Jen valoregaĵo. — Ho, kio-kio, demandas ĉiuj gastoj streĉ-atende.

— Ĉu vi ne vidas! Anguldento. Mi elbatis ĝin propramane de Karlĉjo Lindbergh kiam mi renkontis lin lastatempe sur la strato. Vera delikataĵo. Kaj jen mi havas pecon el la nazpinto de sinjorino Lindbergh. Mi demordis ĝin. Ĉarme, ĉu ne? Mi sola en la tuta mondo havas denton de Lindi kaj la nazpinton de lia edzino. Kolosa muzea valoro, vi komprenas. Rockefeller, inter amikoj, proponis al mi 300,000 por la duono de la dento, sed mi ne vendas eĉ la plej etan kavaĵon.

— Eh-eh, diras alia. Vi devus vidi ĉe mi hejme. Mi posedas orplombaĵon, kiun mi mem elbatis de prezidanto Roosevelt...

Laŭ « Örebro-Kuriren »,
*Tiberio Morariu.*




# Pioniroj

## de l'ideo de tutmonda lingvo




---

**Gottfried Wilhelm Leibniz**

1646 Leipzig : † Hannover 1716

---

Matematikisto, filozofo, juristo, teologo. En siaj verkoj, abundas aludoj pri universala (filozofia) lingvo. La epoko de l'racionalismo kiu submetis ĉion al la kritika prijuĝo kaj ekzameno, ne haltis antaŭ la homa lingvo, produktaĵo natura kaj homa samtempe.

**Constantin François Volney**

1757 Craon † Paris 1820

---

Lingvisto. Verkis pri simpligo de l'orientalaj lingvoj de l'apliko de l'eŭropa alfabeto en aziaj idiomoj kaj pri universala alfabeto.

---

**Jan Amos Komensky (Comenius)**

1592 Nivnice † Amsterdam 1670

---

La ĉeĥo Komensky, patro de l'pedagogio, kiel ano de lingve malgranda popolo s e n t i s la utilon de simpla esprimilo intergenta, dume filozofoj de sama epoko deduktis la eblecon el racionalisma perceptado. Komensky skribis interalie :

« Restas do nenio alia, ol krei » lingvon novan, superantan ĉiujn lingvojn jam konatajn 1. per faciLeco, por ke oni povu ĝin lerni sen perdo de tempo kaj de aferoj, 2. per dolĉeco, por ke estu ĝuo ĝin lerni kaj ellerni, 3. per perfekteco, por ke ĝia posedo tre utilu ol aferoj mem. »

---

Skribinte en latina lingvo, Komensky ne konsilas ĝian internacian uzadon skribante :

« Ĉar niaj pensoj nun pli alten iras, ni ne trovas alian helpon, ol konsili prefere lingvon tute novan. »

**René Descartes (Cartesius)**

1596 La Haye (Touraine) † Stockholm 1650

---

Fondinto de l'moderna filozofio. Skribis interalie pri projekto de mondlingvo de l'monako Hugo, la jenon :

Cetere, mi trovas, ke oni povus aldoni je tio inventaĵon, tiel por komposti la primitivajn vortojn de tiu lingvo, kiel por iliaj karakteroj, tiamaniere ke ĝi povus esti instruata en tre mallonga tempo. Multaj homoj certe utiligus kvin aŭ ses tagojn por sin komprenigi de ĉiuj. Poste mi esperus universalan lingvon tre facile lerneblan, prononceblan kaj skribeblan kaj, ĉefa afero, kiu helpus al la juĝo, reprezentante ĉion tiom klare ke estus preskaŭ neeble erari.





## Tra la libraro

*Dante: Infero, Tradukis K. Kalocsay.*

La Dia Komedio, unu el la ĉefaj homaj epopeoj, estas tia klasika, impona, eĉ enciklopedia ĉefverko, tiomfoje komentata, citata, aludata, ke ĉiu aliras kun respekta timema sento tradukantoj kaj eĉ legantoj. Ĉu post la multaj alfaroj, prozaj aŭ versaj, en ĉiuj gravaj lingvoj, esperanta traduko estis necesa, utila ? Tion opiniis Kalocsay. Li mem konfesas: « Oni *devas* traduki Dante » sed tuj aldonas: « Ne ekzistas aŭtoro pli malfacile tradukebla ol Dante » kaj poste: « Kaj certe, ĉi tiu malfacileco tentis ankaŭ min ».

Pri tiuj gravaj versaj verkoj, tradukantoj hezitas inter du sistemoj. Unuj, pli filozofaj, juĝas la sencon ĉefa, kaj por el tiu trezoro nenion perdi, ili tradukas proze, strikte redonante la ideojn de l'originalo; kaj la eksterajn belaĵojn ili devize neglektas. Aliaj, pli artistaj, entuziasmiĝas pri la harmonia lingvo, la ritma skando, la sona rimo, kaj celas tion respeguli en sia propra lingvo, preskaŭ necese oferante ion aŭ multon el la aŭtora penso, el la nutra kerno.

Kalocsay duobligis sian taskon, intencante sekvi la originalan poemegon laŭforme kaj laŭsence, plej ekzakte, plej skrupule. Ĉu en tiu kuraĝa entrepreno li sukcesis ? Mi kredas ke tion oni povas jesi; sed ĉu tiel klopodinte li iel perfortis nian lingvon kaj liveris tekston ne senpene legeblan, foje preskaŭ rebusan, mi persone tion opinias. Oni kontraŭdiras, ke la malfacilecon naskas la originalo mem, ke ĝi devenas de ĝia streĉa koncizo, de ĝia malnoveco, de la abundo je propraj nomoj, je mitologiaj aludoj, je religiaj disiĝoj, je politikaj disputoj, je historiaj okazoj eĉ je aferoj familiaj aŭ personaj por Dante; oni asertos, ke neeble estas reveki pri tiuj multaj punktoj la iaman intereson. Certe tio estas prava; restas tamen, ke pro la multaj ankoraŭ fremdaj neologismoj, pro la oftaj eĉ strangaj vortkunmetaĵoj, la senpere verbigitaj nomoj, la elizioj, la forigo de kutime uzataj sufiksoj aŭ rilatvortoj, sume pro la konstanta ĝislima koncizigo, la legado tute ne estas ludo; se iu rapide tralegas kaj ĝuas la regulan ritmon, la lertan rimaron, li preskaŭ ne scios kion li legis; kaj se kontraŭe li volas ĉion kompreni, la senĉesa forta cerbumado forigos la plezuron. Pri ĉi tiu rezultato mi tute ne riproĉas la tradukinton, ĉar ĝi fontas, kiel nepra konsekvenco, el la verko mem kaj el la tradukcelo.

Tion dirite malkaŝe, por malŝarĝi mian konsciencon, kaj laŭtigi kion kredeble spertos multaj, mi pli libere laŭdos la unikan laboron de Kalocsay, la majestan monumenton kiun li, eĉ per nura traduko, konstruis je nia miro kaj admiro. Kelkaj frazoj ĉerpitaj en la antaŭparolo komprenigos kiun gigantan taskon li maltime al si trudis.

« La traduko de la Komedio, en la originala versformo, postulas tiajn fortostreĉojn, ke ĝi ofte ŝajnas tute ne plenumebla... La ĉiam deviza *fideleco* vere povas malesperigi la tradukanton... Ofte ŝajnas tute neeble trovi la malbenitan trian rimon... Certe oni ne povas senpene legi post sescent jaroj tiun poeton, kiun oni devis komentarii jam dum lia vivo... Dante devas esti konkerita ».

Cetere ĉion utilan la tradukinto kaj la eldonisto kunmetis por plifaciligi la komprenon. Kaj tiuj ĉi flankaĵoj preskaŭ ne estas malpli interesaj ol la ĉefa *Infero* mem. Efektive, la antaŭparolo, en kiu Kalocsay diras siajn motivojn kaj provizas per taŭgaj konsiloj la leganton, la ampleksa multparagrafa historia skizo pri la malserena epoko, pri la vivo de Dante kaj pri lia verko, la pli detalaj historiaj aŭ klarigaj komenteroj lokitaj antaŭ ĉiu el la tridek-kvar kantoj, kun teksto ĉiam tre konciza sed tre preciza, kaj akompanataj de l'necesaj vorttradukoj, la postaj propraj notoj de la tradukinto, la vortaro kun ĉiuj neoficialaj radikoj; pli la kvar skemoj, kiuj donas interesan bildon pri la strukturo de l'Dante' a Infero, fine la dekkvar lignogravuraĵoj, ĉio tio estas tiel zorge elektita, tiel plene liveras la dezireblajn informojn, ke ion pluan oni ne povas postuli.

En siaj notoj, la tradukinto tre detale konigas sian sintenadon, sian labormetodon; li preskaŭ mem okupas la rolon de recenzanto, kaj antaŭfaras lian laboron. Ni ekscias kiom da versoj estas klasike dekunusilabaj, en kiom da ili cedis la rigida ritmo, kiom da rimoj estas puraj, parencaj aŭ nur asonancaj. Li kompreneble uzis la rimedojn kaj licencojn studitajn en la du verkoj: *Lingvo, Stilo, Formo*, kaj: *Parnasa Gvidlibro.* Ŝajnas eĉ ke la Infero servis kiel provo por larĝe apliki ilin kaj pruvi sendiskute, ke ili estas kondiĉoj neeviteblaj; Kalocsay mem asertas: « Mi kredas, ke per la traduko de l'Infero mi sukcesis definitive legitimi ĉi tiujn nepre necesajn faciligojn; sen ili mi estas konvinkita, ĉiu kaj ĉiam fiaskus pri la plenumo de tia tasko ».

Pri tiuj licencoj poetaj, la plej multaj, tiuj pri ritmŝanĝo, pri parencaj, pluskonsonantaj, preskaŭaj rimoj, eĉ pri senperaj aŭ participaj verboj, pri forigo escepta de alia finaĵo ol o, estas facile akcepteblaj; la sola, kio vere ĝenas la leganton kaj regule stumbligas lin, estas la sensilabigo de iu vokalo: ne nur « kiel, kiu » povas fariĝi unusilabaj, sed ankaŭ « ĉielo, piedo, diablo » estas dusilabaj, kaj en versoj kiel:

*... ĉar min pli premus ĝi en pli olda stato...*
*... bridon de l'mens' mi, pli ol kutime, tiras...*
*... langvoris ombroj grupe en rampa paso...*
*... sufiĉu al vi por ĉi labor-rutinoj...*

la substrekitaj hiatoj ankaŭ devas esti unusilabaj.

Apartan atenton meritas la lignogravuraĵoj de hungara artisto: Dezső Fay; ne estas eble imagi ornamaĵon, kiu pli bone akordus kun la presaĵo kaj kun la enhavo de l'poemoj. Ili estas tre lerte komponitaj, kun rimarkinda ekvilibro en la partoj, spertmane gravuritaj; kaj per sia mezepoka stilo, ili vere vivigas la terurajn bildojn, kiujn la poeto verse kreis.

En la januara numero de ĉi revuo, oni jam bone prezentis la Inferon, kaj citis tri el konataj ĝiaj triversaĵoj en originala itala teksto, kaj en tradukoj esperanta, franca kaj germana. La komparo jam ekkonigis la harmonion kaj ĝustecon de la esperanta traduko, ĝian egalan aŭ superan valoron. Kelkaj aliaj citaĵoj pli taŭgos ol harfenda analizo por montri kiom ofte la traduko fariĝas flua, poezia, energia, sensplena.

Jen parto, tiel facila kiel prozo, kie Minos, la submonda juĝisto, per la nombro de tordoj de sia vosto signas la ringon, kie punrestos iu animo: (Kanto V, versoj 1-12)

*Nun en la duan rondon ni descendis,*
*ĝi malpli grandan lokon ĉirkaŭbaras,*
*sed tie des pli da dolor' veplendis.*
*Terure kaj dentgrince Minos staras*
*ĉe la enir' kaj kulpojn ekzamenas*
*kaj per vost-volvo regas, juĝon faras.*
*Ĉar se animo misnaskita venas*
*kaj ĉiujn kulpojn antaŭ li recitas,*
*li, kiu l'kulpojn konas kaj komprenas,*
*pri l'lok' infera pese primeditas,*
*kaj faras vosto-ringojn, tiel multe,*
*kioman infer-gradon ĝi meritas.*

Jen vere poezia priskribo pri la ŝvebado de l'animoj en la dua Infera rondo :

*Kaj kiel sturnoj, tempe de malvarmo,*
*en granda, plena grup' sin fluge tiras,*
*tiel en vent' la misspirita svarmo*
*malsupren, supren, al kaj re flugiras,*
*sciante, ke ne nur ripozon tie,*
*sed eĉ mildiĝon vane ĝi sopiras.*
*Kaj kiel gruoj iras, kaj molkrie*
*linion longan fluge el si ligas,*
*ĉi ombroj tiel veas letargie*
*dum la tempesta vent' ilin flugigas.*

(V. 40-49)

Jenaj versoj vere bonsonaj kaj klaraj montras ilin alvenantajn laŭ voko de Dante :

*Kaj kiel la kolomboj am-malsataj*
*al dolĉa nesto flugas en rapido,*
*aerfrapante per flugiloj bataj,*
*simile ilin, el la grup' de Dido*
*altiris al ni tra l'aer, terura*
*la voĉ' kompata, kvazaŭ forta brido.*

(V. 82-87)

Sed ne nur dolĉaj pentraĵoj enestas, kontraŭe ; pli ofte teruraj vidaĵoj vekas emocion aŭ angoron, kaj senfine diversaj kaj kruelaj estas la suferoj de l'damnitoj ; ni ankaŭ vidu kiel kirliĝas ili en la funele malampleksiĝantaj inferaj rondoj ; en la ardan peĉon repikas diabloj la pekulojn, kvazaŭ :

*Kuirbuloj laŭ la kuirist-komando*
*tiel puŝadas forkojn en kaldrono,*
*por ke sub suko restu la viando.*

(XXI 55-57).

La plej terura estas, ke ĉiam resaniĝas la vundoj aŭ renaskiĝas la mortintoj por resuferi eterne la samajn dolorojn :

*Serpentoj ligis manojn dorsoposte*
*sin ligis ĉe la brust' kun noda tordo,*
*trapikis la pekulojn kape, voste.*
*Iun starantan ĝuste sub la bordo*
*serpent' atakis, vundis lin avide*
*inter la kol' kaj ŝultro per ekmordo.*
*Nek o nek i skribiĝas pli rapide,*
*ol li ekbrulis, ardis, discindreris*
*kaj falis sur la teron disŝutite,*
*kaj poste, kiam dise li surteris,*
*jen, kolektiĝis la polveroj sponte*
*kaj tuj el ili li mem reaperis.*

(XXIV, 94-105).

Por montri la fojan abundon da kunligataj vortoj ni citu :

*Kaj tra sep pordoj, kun la grup' saĝula*
*mi venis freŝan kampon verdveluran.*
*Jen estis pezpalpebra, grav-okula,*
*popolo digna, grand-aŭtoritata*
*kun rarparola voĉo dolĉmodula.*

IV. (110-114).

aŭ ankaŭ tiun verson, kie hundoj :

*... fibrope lin diskarnis murdrikane...*

Finiĝu la citaĵoj per bela impreso : la konata epizodo de Francesca da Rimini, kiu kulpe ekamis sian bofraton, kiam ili kune legis pri la geamo de Lanceloto kaj Ginevra, kies amperanto estis Galeotto :

*« Francesca, ho, pri viaj doloriroj*
*ĝislarme sentas mi melankolion.*
*Sed, en la temp' de l'dolĉaj ĝemospiroj,*
*ho diru, kiel logis vin Amoro*
*ekkoni duban vojon de l'deziroj ? »*
*Kaj ŝi : « Ne estas pli granda doloro,*
*ol rememori pri feliĉ en prema*
*mizero ; scias ĝin via Doktoro.*
*Sed se vi estas tiel scivolema*
*pri l'amoĝermo, estos mi simila*
*al iu, jen parola, jen ekĝema.*
*Ni solaj, iun tagon legis pri la*
*kreskanta am' de Lancelot ! Suspektis*
*nenion ni en la duop' trankvila.*
*Rigardon ni multfoje interplektis*
*dum lego, kun vizaĝo paligita,*
*sed jen la punkto, kiu nin infektis :*
*Kiam ni legis pri l'ridet' ekscita*
*de l'kisdezir', pri ĝia dolĉa vibro,*
*li, por eterne jam al mi ligita,*
*buŝkisis min kun trem' en ĉiu fibro.*
*Galeotto iĝis libro kaj aŭtoro,*
*ĉi-tage ni ne legis plu de l'libro. »*
*Dum ŝi parolis, la kunul' kun ploro*
*lamentis tiel, ke mi tute palis,*
*kaj sentis kvazaŭ morton ĉirkaŭ l'koro ;*
*kaj kvazaŭ morta korp', mi terenfalis.*

(V. 116-142).

Pro la aspekto de l'libro, meritas plenan laŭdon la eldonisto, kiu ĉion aranĝis, preson, titolon, notojn por prezenti artan publikigaĵon ; Infero estas unu el la plej belaj esperantlingve eldonitaj volumoj. Kaj la tradukon de Kalocsay, malgraŭ ĝia ofta malfacileco, bareto kiun oni ne povas nei, sed kiun ankaŭ neniu estintus kapabla forigi, oni longe konsideros markanta aperaĵo inter la verkoj esperantigitaj.

15 Januaro 1934.

G. S.

## Negranda pen'

de G. Deŝkin.

*Feliĉon grandan mi ne havas,*
*La elan eĉ ne havas mi,*
*Kaj estingiĝas kora fajro*
*Pro la krepusk' de senpasi'.*
*Sed tamen koro amon volas !*
*Necesas ja negranda pen'*
*Por ke kun ies varma koro*
*Ĝin ligu de la am' faden'.*
*Por ke denove sun'aperu,*
*Por ke de l'granda, nek de l'eta*
*Feliĉ' lumigas min radi'.*

# Diversaĵoj

## Al la Esperantista Junularo en Eŭropo !

### Granda Internacia Konkurso

*« Kristo kaj la universala frateco »*

Dank' al la bonvolo de amerika kristanino, amikino de paco, S-ino Van Loan de Babylon (Usono), estas kreita fondaĵo, kiu aranĝas konkurson kun temo : « Kristo kaj la universala frateco ». Ĝia celo estas helpi al la plivastigo de la paca spirito de internacia amikeco inter la junularo.

La konkurson organizas la Junulara Komisiono (fako de la « Universala Konsilantaro por Kristana Vivo kaj Laboro » kaj la « Tutmonda Ligo por Internacia Amikeco per Eklezioj »).

Rajtas partopreni gejunuloj loĝantaj en Eŭropo kaj naskitaj post la 30-a de Aprilo 1914 kaj antaŭ la 1-a de Majo 1920. Teksto en kiu ajn lingvo. Limtempo : 30-Aprilo 1934. La juĝantaro (el diversaj nacioj kaj eklezioj) disdonos pli ol 150 premiojn, el kiuj : la unua por 300, la dua por 200, la tria por 100 usonaj dolaroj, k.t.p.

Detalaj informoj kun regularo estas haveblaj senpage pere de la Sekretariejo de la Junulara Komisiono : Case-postale Nº 46, Eaux-Vives, Genève (Svislando). La regularo ekzistas nur en Esperanto, franca, angla kaj germana lingvoj.

* * *

*La problemo de la « universala frateco » ne estas nova por la kristana mondo ! En ĉiuj tempoj ĝi lame progresis kontraŭpuŝita de energia spirito de malpaco, malamo kaj milito inter la popoloj !*

*Hodiaŭ la temo stariĝas kun nova vigleco apud la progresanta ruiniĝo de nia morala mondo. Vi gejunuloj, en la laca maljuna kontinento, tenas la honoron de la malfeliĉa homaro : Vi povas savi ĝin ! Via generacio, naskita el postmilitaj suferoj, kiu grandiĝas en konstanta timo kaj maltrankviliĝo, devas agi ! Agu levante vian voĉon kaj proklamante alte vian koncepton de la fratama spirito de Kristo.*

*Ĉi-tiu konkurso ne povus esti pli taŭga por Vi !*

*Partoprenu multope por montri, ke vi komprenas kaj praktikas la belan « internan ideon », entenata en la Zamenhofa lingvo.*

## Oni dankas

*** S-ro W. Mudrak, Vieno sincere dankas al S-ino Marthe Petit, en Dijon pro valora informo.

*** S-ro R. Richez en Genève kore dankas S-ron Prosper Van Genechten, Delegito en Hasselt (Belgio) por adresoj de Komercistoj.

*** F-ino S. Cipera en Plzen, kore dankas al sinjoro delegito de UEA, G. B. Warren en London E 6 pro surpriza tre afabla plenumo de mia peto.

*** S-ro Oscar Bünemann, Del. de Hamburgo, dankas gesamideanojn en Helsinki, speciale f-inon Koivuniemi kaj familion Setälä, delegiton Ekström en Turku kaj la familion de rektoro Sam Jansson en Stokholmo kore pro la ĝentilaĵoj ĝuitaj dum mallonga estado en iliaj urboj.

## Skolta Esperantista Ligo

La skolta mondtendaro en 1933 atentigis milojn el la skoltaro al la utilo de Esperanto. Ni alvokas la esperantistaron, societojn kaj grupojn, ke ili utiligu tion kaj klopodu fari kursojn ĉe la lokaj skolt- kaj rovertrupoj, ke ili ĉe proksimaj skoltaj internaciaj kunvenoj kaj tendaroj (en 1935 okazos tutslava skolta jamboreo en Polujo, en sama jara internacia roverkunveno en Stokholmo) uzu Esperanton. Multajn el ili forte interesas la korespondado kun alilandaj junuloj. Baldaŭ aperos lumbildoj (sur normal-filmrubando) pri la jamboreo, kies montro estus taŭga rimedo por havi la unuan kontakton kun la skoltgrupoj kaj samtempe rekomendi al ili Esperanton.

En 1934 verŝajne okazos somere Internacia Esperantista Tendaro. Zorgu, ke el via lando vizitu ĝin skoltoj !

La Skolta Esperantista Ligo havas membrojn en 30 landoj kaj celas progresigi la skoltismon per Esperanto. Interesiĝantoj skribu al la kasisto : D.H. Davis, 23, East Dulwich Grove, London, S.E.22, Anglujo (jara kotizo kun gazeto shil 2/). Pri la senpaga prunteblеco de lumbildoj pri hungaraj lokoj informojn donas la Hungara Skolta Esperanto Rondo, Budapest, V., Nagy Sándor- u.6. Samadrese vi ricevas la kantkajeron de hungaraj skoltoj, enhavante 62 esperanto-tekstojn de hungaraj popolaj, artaj kaj skoltaj kantoj inter ili 22 kun, originalaj hungaraj tekstoj kaj muziknotoj. (Prezo du resp. kuponoj, por tri resp. kuponoj oni sendas du eks. !).

# Turismo

## Internacia turisma ligo

En 1889, la turismaj asocioj, sub la impulso de Belga Turing-Klubo, starigis internacian ligon de la turistaj asocioj. Belga Turing-Klubo estis unu el ĝiaj plej agemaj membroj.

La milito 1914-1918 nuligis ĉiujn interkonsentojn, pri la rilatoj inter la asocioj apartenantaj al la landoj militantaj. Aliparte, pluraj kluboj eksiĝis, aliaj asocioj, kiel Rusland kaj Finlando, malaperis en la kataklismo.

La militfino remalfermis la plimulton el la landoj al la turismo. Ekde la printempo 1919, la Turing-Kluboj de Belgujo, de Francujo kaj de Italujo, same kiel du anglaj asocioj : « Cyclist's Touring-Club » kaj « Automobile Association » starigas novan internacian ligon sub la nomo ; « Alliance Internationale de Tourisme » (Internacia Turisma Ligo). Ĝi fondiĝis en Parizo la 30an de Majo 1919 ; ĝia konstanta sidejo estis starigata en Bruselo, kaj la Prezidanto de Belga T-K estis elektata kiel ĝeneralan sekretarion.

I.T.L. ne limigis sian agadon al Anglujo, Belgujo, Francujo kaj Italujo ; ĝi konsiderinde pligrandigis ĝin, tiamaniere ke ĝi envicigis unu post la alia, ĉiujn landojn de la mondo malfermitaj al la turistoj.

Oni petis la aliĝon de « American Automobile Association », poste, la Franca T-K. petis la envicigon de « Union Vélocipédique de France », kaj la Belga T-K petis tiun de la « Ligue Vélocipédique de Belgique » kiuj estis niaj fidelaj liganoj tuj de la fondiĝo de Internacia Ligo de Turistaj Asocioj.

De tiu tempo, venis la aliĝoj de Svisujo, Nederlando, Grekujo, Ĉeĥoslovakujo. Dum la kunsido de la 7-4-1923, la administracia konsilantaro akceptis la Aŭstrian Turing-Klubon. Poste, aliĝis la Asocioj Skandinava, Germana, Norvega, Luksemburga, Perua, Turka, k.t.p.

La naciaj turismaj oficejoj, serveme kunportis sian sperton kaj aliĝis al la Ligo. Tiu-ĉi nombras nuntempe preskaŭ 8 milionojn da turistoj en 85 Grupoj aŭ Kluboj de 47 landoj.

La Komisiono por cirkulado de la Ligo de Nacioj donis al la ITL sian altvaloran aliĝon.

(El la Jarlibro de Belga Turing-Klubo : Trad. Essival.)

**Centmiloj da Esperantistoj ? Ne troigu !**
**Pruvu ke estas Dekmiloj kaj helpu**
**vivteni UEA per via aliĝo de Subtenanto !**

# Universala Esperanto - Asocio



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

**Centra Oficejo :**
**1, Tour de l'Ile, Genève**

## Oficiala Informilo

**26-a Administra jaro 1934 :**
**N-ro 2 — Februaro 1934**

**Bankkonto:**
**Société de Banque Suisse**
(Schweizerischer Bankverein), Genève.
*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Voĉdono de la Delegitoj.* — Laŭ apliko de l'Interkonsento de Kolonjo necesigas privoĉdonon de la nova statuto pere de la Delegitoj de UEA. Oni supozis ke tiu ĉi voĉdono povus jam okazi dum Novembro pasinta. Sed la priparolo de multaj detaloj postulis notinde pli da tempo... kaj alproksimiĝis la jarfino kun ĝia kutima amasiĝo de aliaj aferoj. La komitato akceptis la novan statuton, tiel ke la voĉdono de l'Delegitoj povos okazi dum tiu-ĉi monato.

*Ĉefdelegitoj.* — Estas elektitaj novaj ĉefdelegitoj en jenaj landoj, teritorioj de UEA :

*Brita: S-ro Fred E. Wadham, London.*
*Dana: S-ro Martin Palsberg, Aarhus.*
*Franca: S-ro Célestin Rousseau, Bécon, Seine.*
*Sveda: S-ro Ernfrid Malmgren, Stockholm.*
*Svisa: S-ro Herm. Kürsteiner, St. Gallen.*

Ni kore bonvenigas ilin kun deziro je harmonia kunlaboro por la bono de UEA.

*Protesto.* — En oficiala Informilo n-ro 33 paĝo 202 ni informis pri Delegito en Zwittau-Svitavy, Moravio.

Ni ricevis gravan plendon kontraŭ S-ro Karl Karger kaj ĝis klariĝo de l'afero haltigas lin en sia funkciado. (Ripetita informo).

*Premioj.* — Ni informas ke la rajto je frupago-premio estas plilongigata ĝis 28-a de Februaro 1934.

*Subtenantoj 1924.* — Malgraŭ la sentebla elirprokrasto de la speciala numero pro la organiza transformo de UEA, alvenas jam kotizoj de Subtenantoj. Por helpi UEA efike, plej bona rimedo estas aliĝi kiel Subtenanto.

**Dua Listo**

11. S-ro Raul Xavier, Lisboa, Portugal.
12. S-ro W. A. Buchheim, Kansas City, Usono.
13. S-ro K. Gorter, Amsterdam, Nederlando.
14. S-ro J. Leonard, Rotterdam, Nederlando.
15. S-ino Anna Tuschinski, Danzig.
16. S-ro Charles Jayet, Morges, Svislando.
17. S-ro D. Nikolič, Kula, Jugoslavio.
18. S-ro A. Serpa, S. Miguel, Açores.
19. S-ro Marian Sola, Tarrassa, Hispanujo.
20. F-ino Janet Hopps, San Franciso, Usono.
21. S-ro Andres Piño, Valencia, Hispanujo.
22. S-ro Canuto Sanchez-Solano, Requena-Valencia.
23. S-ro Ed. Spielmann, Bern, Svislando.
24. S-ro Alb. Martins do Carmo Pena, Lisboa.
25. S-ro Jorge de Saldanha Carreira, Lisboa.
26. S-ro G. H. Parker, London, Britlando.
27. S-ro E. Willcocks, Woodford Green, Britlando.
28. S-ro J. Attree, Calais, Francujo.
29. S-ro C. A. Baker, Welwyn Garden City, Britlando.
30. F-ino A. L. Bovel, London, Britlando.
31. S-ro J. Chadwick, Rochdale, Britlando.
32. S-ro L. A. Churchill, Derby, Britlando.
33. S-ro H. Davies, Manchester, Britlando.
34. S-ro C. B. Fawcett, London, Britlando.
35. S-ro C. M. Houghton, Abadan, Persian Golf.
36. S-ro J. R. Miller, Stone. Britlando.
37. S-ro G. Kyffin-Taylor, Birkenhead, Britlando.
38. S-ro F. E. Wadham, London, Britlando.
39. S-ro C. A. Fairman, London, Britlando.
40. S-ro J. H. Wright, Birmingham, Britlando.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Belgujo**

*Mouscron* (Westvlaanderen). — D : E. G. Boone, direktoro de lankombejo, 360 Chaussée de Risquons-Tout.

**Ĉeĥoslovakio**

*Bohutice* p. Olbramovice (Moravio). — D : Karel Kopal, fervojisto.
*Bystrice* u Benešova. — D : Josef Hrebiček, Sporitelna.
*Chotešov* p Velhartice (Bohemio). — D : František Bezpalec, instruisto.
*Jelšava* (Slovakio). — D : S-ino Josefina Melichova, instruistino, Ševcovska ulice 105.
*Niedergrund a-E* (Bohemio). — D : Francisko Erwino Hammer.
*Rychnov* n-Kn. (Bohemio). — D : Jaroslav Strànsky, komizo.
*Sedlična* (Slovakio). — D : Antonin Harna, ĝendarma serĝento.
*Totzau* b-Karlsbad (Bohemio). — D : Hubert Klar, paroĥestro.

**Danlando**

*Skanderborg* (Jutlando). — D : Poul Jörgensen, instr. Realskolen.
*Tõmmerup* ĉe Kalundborg. — D : Holger Nielsen Nederland.

**Francujo**

*Arcueil* (Seine). — D : Marcel François Moulinat, 22, Ave. Laplace.
*Arnouville-les-Gonesse* (Seine-et-Oise). — D : Jean Daumal, financa ŝtatoficisto, « Les Pins », Ave. de la Concorde.
*Chartres* (Eure-et-Loir). — D : René Ciroux, 17, rue St.-Pierre.
*Chorey-les-Beaune* (Côte-d'Or). — D : Arthur Ratouillat, emeritulo.
*Fontenay-sous-Bois* (Seine). — D : Léon Belhoste, 8, rue Albert-1er.
*Le Bourget* (Seine). — D : Marcel Gary, 10*ter* Ave. Francis de Pressensé
*Nanterre* (Seine). — D : René Mathyn, 71, rue Saint-Germain.

**Germanujo**

*Bernstadt* (Oberlausitz). — D : Otto Geier, staciestro.
*Wismar* (Mecklenburg). — D : Robert Alm, ABC-Str. 4-11.

**Gvineo Hispana**

*Santa Isabel* (Insulo Fernando Poo). — D : Angel Miralles, oficisto, Restoracio la Rosaleda.

**Nederlando**

*Alblasserdam* (Zuid-Holland). — D : J. van der Rhee, F. 68.
*Mijdrecht* (Utrecht). — D : Hermann Lineisen, Dorpstraat 190.

**Nederlanda Hindujo**

*Serbalawan* (Sumatra). — D : H. J. Tuinder, elektristo, Dolor Jlir Est.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :**

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Ĉeĥoslovakio:* Bernsdorf bei Trautenau (Bernartice).
*Francujo:* Blois; Dijon; Dinan; Quincey.
*Germanujo:* Habelschwerdt; Neusalza-Spremberg; Schwarzenberg; Stollberg; Worms; Wuppertal.
*Jugoslavio:* Baĉka Topola.
*Nederlando:* Hoek van Holland; Leerdam.
*Nederlanda Hindujo:* Dolok Merangir. *Usono:* Denver.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Decembro 1933 ................ | 2.147 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo ................ | 16 lokoj |
| | 2.131 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.XII. 1933 ĝis 15.I.1934 ......... | +24 lokoj |
| Stato je la 15 Januaro 1934 ................ | 2.155 lokoj |

Genève, 15 Januaro 1934 Hans Jakob, Direktoro de UEA.

# Bibliografia Servo de UEA

### Donaco

Belegan donacon faris al la Biblioteko de UEA la Zentralbibliothek en Zürich. Temas pri kolekto de volapükaĵoj, veraj juveloj por la kolektema spirito de nia bibliotekisto. Al la Zentralbibliothek ni esprimas koran dankon.

Schleyer, Johann Martin : Populär-katechetische Grammatik der Weltsprache Volapük samt Schlüssel. Von ihrem Erfinder: Konstanz am Bodensee. Verlag von Schleyer's Weltsprache-Zentralbüro. 1889. (Buchdruckerei Okle, Konstanz. 15×10 cm., 112 paĝ.).

Theodor Storm : Bienalak. Koned fa......... (Th. Storm's « Immensee » nach der 32.Auflage) pelovepolöl in Volapük fa Emma Borggreve oftidel e ofspodel volapükafin Hannöversch Münden. 1891. Berlin S.W. Ferd. Simon (15×11,5 cm., 46 pĝ.).

Julio Gabriel de Urquijo é Ibarra : Konils Volapükik pelovepolöl(s) fa Volapükels Difik e Pekonletöl(s) fa......... löpitidel vpa. — Kanon pelön söle J. G. de Urquijo é Ibarra in Deusto Lä Bilbao, Spän, me penedamäks nulik läna alik. — Oskar Leiner, Leipzig. (18,5×12,5 cm., 52 pĝ.)

Plofed Kerckhoffs : Yelabuk Pedipe delas ninöl 1-do Notedi tefü vobad kademalefa. dagetam, dipedas e steifalam bevünetik. 3-do Lisedi pedipedelas e tedadomas spodöl volapüko. Fa......... Bilekel Kadema. (Yelüp Telid 188, 1889.) (20,5×13 cm., 176 pĝ.). Paris 1889. Bukatedam H. Le Soudier, 174, Bd. Saint-Germain.

*** Lefüdänatäv fa Klonaleson Rudolf de Löstän-Nugän. Lovepolam dälü Lautel subimik fa Dl. Siegfried Lederer. Ko demag e disapenäd klonaselona Dil Balid. Püb de Eduard Heinrich Mayer, Leipzig. Ch. Reisser & M. Werthner Wien (21×14,5 cm., 162 pĝ.).

Rupert Kniele : Deutsch-Weltsprachliche Handelskorrespondenz. 200 kaufmännische Briefe in 10 verschiedenen Gattungen. Übersetzt von......... Weltsprachenprofessor und Vorstand (cifel) für Württemberg. Kademal der Weltsprache-Akademie und erster Sekretär des Allgemeinen Weltsprachevereins. Genehmigt vom Erfinder der Weltsprache. Zweite Auflage. Überlingen. Baden 1888.

Schleyer Johann Martin : Mittleres Wörterbuch der Universalsprache Volapük. Eilfte, sehr vermehrte Auflage. I. Bändchen. Vom Ersinner der Weltsprache......... (Erscheint in 4-5 Lieferungen.) Konstanz am Bodensee. 1898. Verlag von Schleyers Zentralbüro der Weltsprache. Genossenschaftsdruckerei (15,5×10,5 cm., 192 pĝ.).

Wilh. Hansen : Konlet konedas e konilas se läns valik peiavepolöl in volapük fa volapükels skikün. Dub......... plofed vpa. København, 1888. Püb de Lybecker & Meyer. Komitätel plo selän : Andr. Fred. Höst & Son, Büken de L. Cohen. (21×12,5 cm., 206 pĝ)

*** (Kolekto de bildoj de volapükistoj). Reproduktaĵoj laŭ fotografaĵoj. Plej konataj volapükistoj el ĉiuj landoj. (16,5×12,5 cm.)

Johann Martin Schleyer : Grosses Wörterbuch der Universalsprache Volapük. Vierte sehr vermehrte Auflage. Vom Erfinder der Weltsprache......... Konstanz am Bodensee. Verlag von Schleyers Zentralbüro der Weltsprache. Druck von Friedr. Haas. (15×10 cm., 648 pĝ.) Deutsch-Volapük : Volapük-Deutsch.

Volapukagased löstanik. Mulabled musamik plo volapükans. Peredaköl fa Hermann Armintus. München 1891. Bük e püb ela M. Pössenbacher'sche Buchdruckerei (laban Carl Franz).

Cogabled Volapukelas ((Humora gazeto Lustige Blätter en Volapük). München 1887-1890. Num 1-43. Redakel : H. Schnepper, plofed in München. (Kun multaj ilustraĵoj : 29×22 cm.)

Rund um die Welt : Zeitschrift für Volapükisten und solche die es werden wollen. III. Jahrgang. April 1890 bis inclusive März 1891. Chef-Redaction : Dr. Siegfried Lederer, Wien.

Schwäbische Weltsprachezeitung : Populäres Organ für Verbreitung von Volapük. Volapükagased jvabänik. Erster Jahrgang — Zweiter Jahrgang. Allmendingen 1890-1891. Redaktion und Verlag von Rupert Kniele. Druck von J. Doll in Ehingen.

Schwäbische Weltsprachezeitung : Populäres Organ für Verbreitung von Volapük Monatsblätter deutsch und weltsprachlich, herausgegeben von Rupert Kniele, 3-4 Jahrgang 1892-1893.

# En kelkaj linioj



*** Katolika Unuiĝo Esperantista en Vieno aranĝas ĉiun trian dimanĉon di-servon en Esperanto. Informojn oni povas ricevi pere de Leopold Chiba, Wien IV Schaumburgergasse 5.

*** La esp. mallongigo por USA estas uzata kiel nomo « Usona » de fera forno fabrikita en Chicago.

*** La grava firmo Pála, akcia societo en Brno, Ĉeĥoslovakio, nomas novan fabrikaĵon, tri-elementan baterion normalan, *Esperanto Palaba*, kaj uzas tre belajn plurkolorajn etikedojn kun esp. stelo kaj klariga teksto en korekta lingvo.

*** La « *Germana Esperanto-Librejo en Leipzig C. 1., Hospitalstrato Nr. 2* » ekzistis je la dua de Januaro 1934 Dudekkvin Jaroj. Post la fondo de la Saksa Esperanto-Instituto (nuntempe : Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko) la librejo estas fondita en la metropolo de la Libro-komerco por la tuta mondo de la en Esperantujo konata pioniro samideano Bernhard Kötz (Honora membro kaj delegito de U.E.A.). La firmo sukcesis per sia rapida, akurata kaj librofakista servado kontentigi multajn literatur-aĉetantojn el la tuta mondo. Per la eldono de katalogoj kaj prospektoj ankaŭ ĉi tiu komerco-domo sendube agis propagande por la esperantomovado. La nun aperinta special-oferto (maloftaĵoj kaj antikvaĵoj) estas interesa por ĉiu libro-amiko. Mendu ĝin.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj* : L-letero ; PL-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto illustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.-kun ĉiuj landoj ; C.r.-certe respondos.

*Alcacer* (Hip. Valencia). — S-ro Francisko Hernandez Giner, str. Santa Ana 37, k.ĉ.l., L., PI., kaj PM. C.r.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (H&P) nur PM (malrespondas bagatelaĵojn).

*Balkany* (Hungar.). — F-ino Maria Ihász, 18 jara filino de la Del. PI., k.ĉ.l. C.r.

*Frydek* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Otmar Neugebauer, Mistekerstr. 628, L., PJ., kun f-inoj k.ĉ.l. C.t.

*Hiroŝima* (Japan). — S-ro Okumura-Rinzo, ĉe pensiono de Hiroŝima 6 Pedagogia Kolegio, k.ĉ.l. escepte Ĉeĥoslov., German., Nederlando, Hispan., Francujo kaj Portugal.

*Leeuwarden* (Nederlando). — S-ro Cornelis Wiersma, Schapestraat 3. Nur interstene kun Francujo (suda) kaj norda Afriko. Afranku filatelie.

*Letchworth* (Anglujo). — F-ino F. M. Bartholomew, 154 Wilbury Road, kun samideanoj partoprenontaj Kongreson en Stokholmo, speciale svedinoj.

*Liessel N. B.* (Nederlando). — S-ro M. H. Engels Loon, kun Centra Ameriko, nur interstene. Afranko filatelie dezirata.

*Lyon* (Francujo). — S-ro Richard Levin 51 Avenue Félix Faure, kun eksterlandanoj.

*Meadville* (USA, Pa.). — Centra Oficejo de l'Meadville Esperanto-Movado, 1220 South Cottage Street, deziras ricevi E-aĵojn por ekspozicio. Koran dankon. C. C. Compton, Ĝen. Sekr.

*Narrogin* (Okcidenta Aŭstralio). — S-ro L. Illingworth, poŝtkesto 21, donos 250-500 P.M. de Aŭstralio, Nov-Zelando, Hindio, Cejlono, k.t.p. kontraŭ egalkvanto de Suda aŭ Centra Ameriko, Afriko, Norvegio, Rusujo, Irlando aŭ Balkanaj landoj.

*Prešov* (Ĉ.S.R.). — Studentoj kaj studentinoj de ev. gimnazio, L., PI., kun studentoj de Italujo, Svedujo, Norvegujo, Rusujo, Grekujo, Oriento, precipe Palestino kaj Norda Ameriko. C.r. Adreso Frant. Novotny, profesoro, Prešov. Ĉeĥoslovakujo.

*Rotterdam* (Nederlando). — S-ro J. Leonard, poŝtoficisto, Achterdonk 14, L., PI., bfl. k.ĉ.l. fot-ajojn amatorajn. C. r.

*Stockheim* b. Bad Wörishofen (German). — S-ro Gabriel Schorer, PM., k.ĉ.l. 100-250 kontraŭ sama kvanto aŭ laŭ Michel C.r.

*Sabadell* (Hisp.,). — S-ro P. Oriach Sola, Caldéron 51, dez. koresp. por praktiki francan lingvon kun franco kiu deziras siavice praktiki hispanan lingvon. Preferinde loĝanto de urbo ne malproksima de Hispanujo, ĉar eble mi lin vizitos libertempe dum somero.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Georgo Steiner, Delegito de UEA, en Győr (Hungarujo), 9 Sept. 1933.

Duonon de lia tuta vivo li oferis al Esperanto... Fervora, agema samideano, dum la tuta tempo plenforte, tutanime varbinte adeptojn, instruinte senlace, bonvoleme, sukcesplene en multnombraj kursoj; estris la lokan grupon saĝe, aranĝis valorajn kunvenojn, ekskursojn, amuze instruajn, festojn, por kaj per Esperanto...



La Esperanta-movado en Sopron, Moson kaj precipe en Győr povas, eĉ devas por eterne memorfiksi la senlacan agemon, de S-ro Steiner.

Dum 12 jaroj Delegito de UEA kaj pere de tiu-ĉi valorega « Ilo » multe da samcelanoj ricevis de li helpon kaj konsilon. Idealisma samideano, kies koron kaj animon noble sentantajn plenigis la plej pura, plej glora senco de Esperanto : la harmonio de la homaro... Li estis membro de HES, por multaj jaroj delegito de Tutmonda Esp. Junulara Asocio kaj instruis senlace skoltojn. — Partoprenis la kongresojn en Budapest, Wien, Nürnberg, Praha ktp. Lia nomo estas konata en la Baha-a movado. Li tradukis hungarlingven el la angla originalo la verkon de I.E. Esslemont : « Baha Ulla kaj la nova epoko. Intencis verki hungaran-esperantan plenan vortaron. Kruela sorto neniigis la intencon.

La morto ! Ho la morto de tago al tago forrabas ĉiam pli kaj pli da heroe batalantaj pioniroj, — ol kiom donacas al ni la vivo ! Pere de la Győr-a tombo la tero ricevis sian propraĵon : la mortlaciĝintan korpon de li... sed lia spirito ideala, lia animo ĉiam amplena, ne apartenas al la tero... sed restis inter ni por eterne, kiel kortrezoro de ĉiu Esperantisto.

(Stefan de Nagy Molnár, Győr.)

D-ro B. K. Šimonek, Dumviva Membro kaj dum longaj jaroj Delegito en Chicago 3 Dec. 1933. Esperantistoj ĉeestis la funebran ceremonion. (Sen pliaj sciigoj.)

S-ro Hans Reuss, registara konstru-konsilanto em. (Regierungsbaurat a.D.) 29.Dec. 1933 en Essen, 61 jara. Sindona laboranto por la afero, ekzamena komisario de l'Esperanto-Instituto por la Germana Regno, kursestro, ĉiujn taskojn li plenumis fervore, modele. Ano de UEA 15707 de 1921.

S-ino Marija Kezele, patrino de S-ro Josef Kezele D en Delnice, Jugoslavio, 11 Dec. 1933.

S-ro D-ro Franz Scholz, Delegito en Liesing b. Wien 73 jara, iama landa deputito, distingita per multaj ordenoj aktive partoprenint a en publika vivo, ŝatata kaj nobla viro, 18. Dec. 1933.— Jam 65 jara li plenumis la ŝtatan ekzamenon por instrui Esperanton ĉe lernejoj kaj sukcese gvidis multajn kursojn.

## La Foiro de Leipzig

Dufoje ĉiujare, komence de Marto kaj fine de Aŭgusto, en la malnova foirurbo Leipzig kunvenas 120.000 ĝis 160.000 aĉetantoj el la tuta mondo, por koniĝi ĉi tie la produktojn de ĉiuj landoj kaj por aĉeti. Rondcifere 8.000 firmoj en ĉiu foiro ekspozicias siajn produktaĵojn. En konsidero al la nombro de la ekspoziciantoj kaj de la aĉetantoj, en konsidero ankaŭ de l'amplekso de la okazanta vardebito la Leipzig-a Foiro estas la plej granda foiro de la tuta mondo kaj ankaŭ la plej eminenta centra merkato de la mondo, do, unu el la plej gravaj institucioj de l'internacia komerco.

Ankaŭ la venonta Leipzig-a Printempa Foiro kiu okazos de la 4a ĝis 11a de Marto 1934, tre verŝajne estos vizitata de aĉetantoj el pli ol 50 landoj de la mondo, tiel, ke ĉiu aĉetanto povos koniĝi objektive kaj precipe ankaŭ komplete kun la tuto de l'varofertoj de la mondproduktado. La Leipzig-a Foiro do estas por ĉiu serioza aĉetanto unika okazo por orientiĝo. La vizitanto de la foiro vidas antaŭ si ofertata la tuton de la varoj, kiuj interesas lin, kaj li povas detale kaj trankvile ekzameni. Sed antaŭ ĉio la vizitanto ĉi tie kontaktiĝas persone kun la produktantoj el la plej diversaj ŝtatoj, kaj tio estas decida nun kaj estonte. Fabrikanto kaj kliento staras hodiaŭ samfronte kontraŭ la malhelpaĵoj de la komercpolitikaj baradoj, kaj pli kaj pli oni ekkonas, ke nur kuna agado de aĉetanto kaj vendanto sukcesos, porti la bezonatajn varojn trans la multfoje blokitajn landlimojn je la plej favora prezo kaj per la plej malmultekosta transporto. Neniam estis same necesa kiel hodiaŭ la persona intertrakto — en plej vasta senco — inter liveranto kaj aĉetanto de la mondkomerco. Tial ĉiu eksportisto volonte uzos la eminentan ŝancon, kiun donas al li la Leipzig-a Foiro.

Ĉio, kio estas aĉetata laŭ specimenoj, apartenas al la sfero de la Leipzig-a Foiro ; ĉio ĉi trovas tie la plej vastajn eblecojn de vendiĝo kaj estas trovebla en ĉiu dezirata formo kaj speco. Krome la Foiro estas merkato por duonfabrikaĵoj kaj por krudmaterialoj.

La specimenfoiro hejmas en 31 palacoj de la urbkerno de Leipzig kaj estos en printempo 1934 jene dividita laŭ branĉoj : Vitro, porcelano, fajencoj kaj argilaĵoj ; ĉambraj kaj kuirejaj iloj ; metalaĵoj ; ludiloj ; sportartikloj ; muzikinstrumentoj ; ledaĵoj kaj vojaĝartikloj ; merceraĵoj kaj galanteriaĵoj ; horloĝoj, valormetalaĵoj kaj juvelornamaĵoj, fotografiaj, kinematografiaj kaj optikaj artikloj ; lampoj ; arto kaj artmetio ; mebloj kaj kanmebloj ; paperaĵoj, bildoj, libroj, kontorartikloj, kontormaŝinoj, librometiaj maŝinoj ; pakumaĵoj kaj reklamo ; teksaĵoj ; sukeraĵoj, nutraĵoj kaj ĝumanĝaĵoj ; kemiaj kaj kosmetikaj artikloj.

La Granda Teknika Foiro kaj la Foiro por Konstrubezonaĵoj havas kiel ekspoziciejon malgrandan urbon por si mem ĉe la Monumento de la Interpopola Batalo. Tiu ekspozicio de maŝinoj, transportiloj, konstrumaterialoj kaj laboriloj senekzemple ekprosperis dum la lasta jardeko. La plej kapablaj fabrikantoj de Germanujo kaj de vico da aliaj ŝtatoj, inter ili — laŭ la nuna stato — Hindujo, Japanujo, Italujo, Rusujo prezentos senmanke la lastajn novaĵojn de la diversaj industribranĉoj unuope en la diversaj fakoj ankaŭ en specialaj kolektivaj ekspozicioj.

La urbo Leipzig fariĝas dum la foiroj metropolo unuaranga, Nekompareblan aspekton prezentas tiam la interno de la urbo, kie la foirpalacoj staras unu ĉe la aliaj, plenaj de homamasoj, kiuj rapidas de unu palaco, de unu halo al la alia, por ekzameni, rigardi kaj aĉeti. Grandiozan trafikon tiam oni povas observi en la Leipzig-a ĉefstacidomo. Ĝia internacia karaktero kaj la lingva ĥaozo de la homamaso kiujn senĉese ĝi elsputas kaj reenglutas, estas la plej evidentaj sim boloj por la fakto, ke du fojojn en ĉiu jaro la foirurbo Leipzig staras en la fokuso de la tuta mondkomerco kaj mondtrafiko.

## Petoj kaj Proponoj

### *INTERNACIA KOMERCO*

*Atentu.* — La Juda Scienca Instituto en Wilno aranĝas ekspozicion de manuskriptoj, leteroj, bildoj, gazetoj kaj verkoj de kaj pri Ŝalom-Alejĥem, okaze de la 75-a datreveno de lia naskiĝo. Ĉiuj, kiuj posedas ion pri Ŝalom-Alejĥem estas petataj donaci aŭ prunti tion al la instituto. Ĉio estas tuj resendata. Sendu tradukojn en Esperanto kaj retradukojn de liaj verkoj en aliajn lingvojn. Brila propagando por Esperanto. Sendu ĉion al K. Gerŝater, D de UEA, Pilsudskiego 23, Wilno (Pol.).

*Biblioteka ornamo.* — Bel-binditaj manuskriptoj, unikaj verkoj neeldonitaj, originalaj studoj enkorekta stilo, artikoloj por redakcioj, k.a. je diversaj temoj de literaturo, scienco, filozofio, okultismo, geografio. Kun pagita respondo demandu al : Petro Stojan, Blausasc-Escarene, Alp.-Mar., Fr.

*Ferio !* — Kie ? Sur la Riviero. Petu programon kun prezoj enkludanta ekskursojn al San-Remo (Italujo), Monte-Karlo, Monaco, Cannes, Grasse ktp. de Internacia Hejmo Esperantista, Aspremont (A.-M.), Franclando.

*Internacia Pedagogia Revuo.* — Jam aperas dum pli ol 10 jaroj, raportas pri internacia scienca pedagogio, pri kongresoj kaj laboroj de la internaciaj instruistaj asocioj, pri lernejo kaj instruistaro en la diversaj landoj, pri Esperanto en lernejo kaj instruistaro, pri pedagogiaj kaj esperantaj verkoj, peradas interkorespondadon por instruistoj kaj lernantoj estas organo de :

*Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj-Tage.*) Jarabono por 6 kajeroj kostas (inklusive la aneco de *Tage*). 2,50 gulden.

Abonon kaj artikolojn sendu al la administranto *P. Korte.* Schoolstraat 13, *Veendam* (Nederlando).

*Peto.* — La unuan fojon okazos esperanta ekspozicio en Palestino. Ĝi povas grave helpi nin en nia batalo por Esperanto. Ni petas la samideanojn, grupojn kaj eldonejojn sendi esperantaĵojn kaj propagandilojn al la adreso de nia delegito P. Laĥovicki inĝeniero, Kerem, Jerusalem.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 53-1-34.